VIIIa jaro. No 129 ★ KONGRESA NUMERO ★ 5 Septembro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**
Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**
Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# LA OKA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## MALFERMA PAROLADO DE D-ro L. L. ZAMENHOF

La unuaj vortoj, kiujn mi volas hodiaŭ eldiri al vi, karaj samideanoj, estas vortoj de kora gratulo, ĉar ni havas hodiaŭ grandan feston. Ĵus finiĝis dudek kvin jaroj de la tempo, kiam — post longa naska preparado — aperis publike la lingvo, kiu nin ĉiujn unuigas, por kiu ni ĉiuj laboras kaj kiu enkorpigas en si tiun homofratigan ideon, kiun la plimulto el ni havas en sia koro kaj kiu dum dudek kvin jaroj flame instigadis nin labori, malgraŭ ĉia malfacileco kaj ĉiuj malhelpoj.

Dudek kvin jaroj da laborado por Esperanto kaj por ĝia ideo ! Tion povas plene kompreni nur tiuj personoj, kiuj partoprenis en tiu laborado de la komenco ĝis nun. Bedaŭrinde tre nemultaj estas tiuj personoj. El la laborantoj de la unua tempo tre multaj jam delonge plu ne vivas, aliajn laciĝis la malfacila, grandan paciencon kaj persistecon postulanta vojo, kaj ili malaperis el nia anaro. El tiuj personoj, kiuj troviĝas nun en ĉi tiu ĉambrego, la grandega plimulto en la unuaj jaroj de Esperanto nenion sciis pri ĝi aŭ neklare aŭdis pri ĝi nur kiel pri ia freneza, mokinda kuriozaĵo ; tre multaj el vi en la momento de la apero de Esperanto estis ankoraŭ infanoj ; multaj, kaj certe ne la malplej fervoraj el vi, en tiu tempo eĉ tute ne ekzistis ankoraŭ en la mondo. La grandega plimulto el vi aliĝis al nia afero nur tiam, kiam ĝi estis jam sufiĉe forta kaj elprovita. Tre kaj tre malgranda, facile kalkulebla per la fingroj, estas la nombro de tiuj personoj, kiuj iris kun Esperanto de la momento de ĝia naskiĝo ĝis la nuna tempo. Kortuŝite ili povas nun rememori, kiel terure malfacila estis ĉiu paŝo en la komenco, kiam ĉiu aludo pri Esperanto postulis specialan kuraĝon, kiam el ĉiu milo da semoj, kiujn ni en plej primitiva maniero, sen helpo kaj sen rimedoj pacience ĵetadis en la teron, apenaŭ unu ricevis radikojn.

Dudek kvin jaroj ! grandegan gravecon havas tia peco da tempo en la historio de lingvo artefarita. Lingvoj naturaj kreskas tute trankvile, ĉar kun tia lingvo neniu kuraĝas fari iajn eksperimentojn aŭ fleksi ĝin laŭ sia gusto ; sed pri lingvo artefarita ĉiu opinias, ke li havas rajton de voĉo, ke li povas aŭ eĉ devas direkti la sorton de la lingvo laŭ sia kompreno. En lingvo natura ĉiu eĉ plej granda efektiva malbono neniun incitas, eĉ neniun meditigas, kaj estas akceptata kun plena kontenteco aŭ rezignacio ; en lingvo artefarita ĉio ŝajnas al ni kritikinda, ĉiu bagatelo, kiu ne estas konforma al nia gusto, pikas al ni la okulojn kaj vekas deziron de refarado. Lingvo artefarita dum longa tempo estas elmetata al senĉesaj ventoj, al senĉesa tirado kaj puŝado. Kiom da ventoj, kiom da senĉesa tirado nia lingvo devis suferi dum sia dudekkvinjara vivo ! Se ĝi tamen ĉion sane eltenis, se malgraŭ ĉiuj ventoj kaj puŝoj ĝi dum dudek kvin jaroj vivis kaj kreskis regule kaj rekte, ĉiam pli fortiĝante kaj riĉiĝante, neniam fleksiĝante aŭ kripliĝante, neniam minacante disfali en dialektojn, sed ĉiam pli kaj pli fortikiĝante sian tute difinitan, ĉie egalan spiriton, neniam perdante hodiaŭ, kion ĝi akiris hieraŭ, ni povas pri tio sincere nin gratuli.

Antaŭ dudek kvin jaroj mi timeme demandis min, ĉu post

dudek kvin jaroj iu en la mondo scios ankoraŭ, ke ekzistis iam Esperanto, kaj — se Esperanto vivos — ĉu oni tiam povos ankoraŭ kompreni ion, kio estis skribita en Esperanto en ĝia unua jaro, kaj ĉu angla esperantisto povos kompreni esperantiston hispanan. Nun pri ĉi tio la historio donis jam plenan kaj perfekte trankviligan respondon. Ĉiu el vi scias, ke verko, skribita en bona Esperanto antaŭ dudek kvin jaroj, en plena mezuro konservas sian bonecon ankaŭ nun, kaj la legantoj eĉ ne povas diri, ke ĝi estas skribita en la unua jaro de ekzistado de nia lingvo; ĉiu el vi scias, ke inter la stilo de bona angla esperantisto kaj la stilo de bona hispana esperantisto en la nuna tempo ekzistas absolute nenia diferenco. Nia lingvo konstante progresas kaj riĉiĝas, kaj tamen, dank' al la *reguleco* de sia progresado, ĝi neniam ŝanĝiĝas, neniam perdas la kontinuecon kun la lingvo de tempo pli frua. Kiel la lingvo de homo matura estas multe pli riĉa kaj pli elasta, ol la lingvo de infano kaj tamen la lingvo de ĝuste parolanta infano neniom diferencas de la lingvo de homo matura, tiel verko, skribita en Esperanto antaŭ dudek kvin jaroj ne estas tiel vortoriĉa, kiel verko, skribita en la nuna tempo, kaj tamen la lingvo de tiu tempo perdis absolute nenion el sia valoro ankaŭ en la nuna tempo. Lingvo, kiu eltenis la provon dum dudek kvin jaroj, kiu en plej bona kaj ĉiam pli floranta stato travivis jam tutan homan generacion kaj estas jam pli maljuna, ol multaj el ĝiaj uzantoj, kiu kreis jam grandan, potence kreskantan literaturon, kiu havas sian historion kaj siajn tradiciojn, sian tute precizan spiriton kaj siajn tute klarajn idealojn, — tia lingvo ne bezonas jam timi, ke io pereige depuŝos ĝin de tiu natura kaj rekta vojo, laŭ kiu ĝi evoluas.

La vivo kaj la tempo garantiis al nia lingvo naturan forton, kiun neniu el ni povas senpune malrespekti. La hodiaŭ jubileo estas festo de tiu vivo kaj tempo.

* *

Por ke ni, vivantoj, povu festi la hodiaŭan jubileon, fervore kaj sindone laboris multaj personoj, kiuj nun jam ne vivas. Nia morala devo estus rememori ilin en la nuna solena momento. Sed ho ve! ilia nombro estas tro granda, por ke ni povu ilin ĉiujn citi, kaj krom tio la pli granda parto el ili laboris tiel modeste, ke ni eĉ ne scias iliajn nomojn. Tial, por ne fari maljustan apartigon inter eminentuloj kaj ne-eminentuloj, mi citos neniun nomon. Mi devas fari escepton nur por nia kamarado Van-der-Biest, kies nomo estas ankoraŭ tro freŝa en la memoro ĉe ni ĉiuj, kiu en la pasinta jaro aranĝis kaj prezidis nian grandan ĉiujaran feston kaj kies morto estas sendube ligita kun tiuj grandaj laboroj kaj malagrablajoj, kiujn li prenis sur sin por ni ĉiuj. En via nomo mi esprimas funebran saluton al la ombroj de *ĉiuj* niaj karaj kamaradoj, kiujn dum la pasintaj dudek kvin jaroj forŝiris de ni la morto. Iliaj ombroj staru nun antaŭ niaj okuloj, kvazaŭ partoprenante en tiu granda festo, kiun ili preparis, sed ne ĝisvivis. Mi proponas al vi, ke ni honoru ilian memoron per leviĝo de niaj seĝoj.

* *

Nun, kiam la matureco de nia afero estas jam tute eksterduba, mi turnas min al vi, karaj samideanoj, kun peto, kiun mi jam antaŭ longe volis direkti al vi, sed kiun mi ĝis nun prokrastis, ĉar mi timis fari ĝin tro frue. Mi petas, ke vi liberigu min de tiu rolo, kiun mi, pro kaŭzoj naturaj, okupis en nia afero dum dudek kvin jaroj. Mi petas vin, ke de la nuna momento vi ĉesu vidi en mi « majstron », ke vi ĉesu honori min per tiu titolo.

Vi scias, ke tuj en la komenco de nia movado mi deklaris, ke mi ne volas esti mastro de Esperanto, sed ke la tutan mastrecon pri Esperanto, mi en tuta pleneco transdonis al la esperantistoj mem. Vi scias ankaŭ, ke de tiu tempo mi ĉiam lojale agadis aŭ almenaŭ penis agadi konforme al tiu deklaro. Mi donadis al vi konsilojn, kiel mi povis, sed neniam vi aŭdis de mi la vortojn : « tion mi postulas » aŭ « tion mi deziras ». Neniam mi provis altrudi al vi mian volon. Tamen, konsciante, ke ĝis sia plena fortikiĝo nia afero bezonas ian enkorpigitan standardon, mi — laŭ via deziro — dum dudek kvin jaroj plenumadis tiun rolon, kiel mi povis, kaj mi permesadis, kvankam tre nevolonte, ke vi vidu en mi ĉefon kaj majstron. Kun ĝojo kaj fiereco mi konstatas, ke vi ĉiam montris al mi sinceran konfidon kaj amon, kaj pro tio mi eldiras al vi mian plej koran dankon. Sed nun permesu al mi, ke mi fine formetu de mi mian rolon. La nuna kongreso estas, la lasta en kiu vi vidas min *antaŭ* vi; poste, se mi povos veni al vi, vi ĉiam vidos min nur *inter* vi.

Jen estas la kaŭzo, kiu devigis min fari la nunan decidon :

La ekzistado de ia natura konstanta ĉefo, eĉ se tiu ĉefo havas nur la karakteron de unuiganta standardo, prezentas gravan maloportunajon por nia afero, ĉar ĝi donas al la afero kvazaŭ personan karakteron. Se al iu ne plaĉas mia persono, aŭ miaj politike-religiaj principoj, li fariĝas malamiko de Esperanto. Ĉion, kion mi persone diras aŭ faras, oni ligas kun Esperanto. La tro honora titolo de majstro, kiun vi donas al mi, kvankam ĝi en efektiveco koncernas nur la aferon de la lingvo, fortenas de Esperanto multajn personojn, al kiuj mi pro ia kaŭzo ne estas simpatia kaj kiuj timas, ke, fariĝante esperantistoj, ili devus rigardi min kiel sian moralan ĉefon. Ĉiu, kies opinio pri aferoj esperantistaj estas alia ol mia, ofte sin ĝenas, eldiri libere sian opinion, por ne kontraŭbatali publike tiun, kiun la esperantistoj nomas sia majstro. Se ies opinion la esperantistoj ne volas akcepti, li vidas en tio nur la ĉiopovan influon de la majstro. Nun, kiam nia afero estas jam sufiĉe forta, estas necese, ke ĝi fine fariĝu absolute libera, ne sole libera de ĉiuj personaj *dekretoj*, kia ĝi fariĝis jam antaŭ dudek kvin jaroj, sed ankaŭ de ĉia efektiva aŭ ŝajna persona *influo*. Estas necese, ke la mondo sciiĝu tute klare, ke Esperanto povas havi aŭ ne havi siajn libere elektitajn gvidantojn, sed ke ĝi posedas nenian konstantan *majstron*. Nomu min per mia nomo, nomu min fondinto de la lingvo, aŭ kiel vi volas, sed mi petas vin, ne nomu min plu « majstro », ĉar per tiu morale tro liganta nomo vi malliberigas nian aferon.

Multaj el vi portas en sia koro la samajn idealojn, kiel mi, kvankam ne ĉiuj en tute egala formo; sed la mondo devas scii, ke tiu spirita parenceco inter mi kaj vi estas laŭvola, ke la esperantismo ne povas esti responda pri miaj personaj ideoj kaj aspiroj, kiuj por neniu el vi estas devigaj. Se mi ion diras aŭ faras, kio ne estas konforma al la gusto aŭ konvinkoj de tiu aŭ alia el vi, mi deziras, ke tio ĝenu kaj neniun el vi havu la rajton diri : tio estas tute privata ideo aŭ frenezaĵo de Zamenhof, kaj ĝi havas nenion komunan kun la Esperanta movado, en kiu li estas nun persono tute privata. La interna ideo de Esperanto estas : sur neŭtrala lingva fundamento forigi la murojn inter la gentoj kaj alkutimigadi la homojn, ke ĉiu el ili vidu en sia proksimulo nur homon kaj fraton.

Ĉio, kio estas super tiu interna ideo de Esperanto, estas nur *privataĵo*, kiu povas eble esti *bazita* sur tiu ideo, sed neniam devas esti rigardata kiel *identa* kun ĝi.

* *

Antaŭ ol mi formetas de mi ĉian oficialan rolon en nia afero, mi ankoraŭ la lastan fojon admonas vin : laboru ĉiam en plena unueco, en ordo kaj konkordo. Ĉiujn dubajn demandojn, kiuj koncernas la tutan Esperantan aferon, kaj kiuj ne tuŝas la personan liberecon de ĉiu aparta esperantisto, solvu ĉiam pace, per regula interkonsiliĝo de viaj egalrajte elektitaj delegitoj kaj per disciplina cedo de la malplimulto al la plimulto. Neniam permesu, ke en nia afero

regu la principo : « kiu pli laŭte krias, tiu estas prava ». Per unueco ni pli aŭ malpli frue certe venkos, eĉ se la tuta mondo batalus kontraŭ ni ; per interna malpaco ni ruinigus nian aferon pli rapide, ol tion povus fari ĉiuj niaj malamikoj kune. Ne forgesu, ke Esperanto estas ne sole simpla lingvo, kiun ĉiu el ni uzas nur por siaj propraj bezonoj, sed ke ĝi estas grava *socia problemo*, ke, por atingi nian celon ni devas konstante *propagandi* nian aferon kaj zorgi pri tio, ke la mondo havu *estimon* kaj *konfidon* por ĝi. Se en nia afero aperas io, kio ŝajnas al ni malbona, ni povas trankvile ĝin forigi per komune interkonsentita decido ; sed ni neniam semu en nia tendaro reciprokan malamon kaj malpacon, kiu nur ĝojigas kaj triumfigas niajn malamikojn. En la unuaj jaroj de nia laborado sur nia standardo estis skribataj la vortoj « espero, obstino kaj pacienco » ; tio tute sufiĉis, ĉar ke ni, samideanoj, devas reciproke nin estimi kaj helpi, tio por ĉiu estis komprenebla per si mem. En la lastaj jaroj ni bedaŭrinde ofte forgesis tiun devon ; tial nun, transirante en la duan gravan periodon de nia historio, en la duan kvaronjarcenton, ni skribu sur nia standardo novan vorton, kaj ĉi tiun vorton ni ĉiam respektu kiel sanktan ordonon ; tiu vorto estas : « konkordo ».

⁂

Mi finis tion, kion mi intencis diri al vi, karaj amikoj. Mi scias tre bone, ke multajn el vi mia nuna parolo malagrable seniluziigos. Kun maldolĉa sento de neplenumita espero vi eble demandos : ĉu en sia lasta kongresa parolo, en sia « kanto de cigno », li nenion pli havis por diri al ni ? ĉu en la grava tago de la jubileo de la esperantismo, de tiu jubileo, kiun ni atingis post tiom multe da laboroj kaj suferoj, li nenion pli havas por diri al ni ? ĉu en la unua kaj eble ankaŭ la lasta fojo, en kiu ni el ĉiuj partoj de la mondo alproksimiĝis, kiom ni povis, al tiu loko, kie Esperanto naskiĝis kaj kie la atmosfero, saturita de intergenta malpaco per neevitebla natura reago naskis la esperantisman movadon, — ĉu en ĉi tiu grava kaj solena momento li nenion pli havis por diri al ni ? Ho ne, miaj karaj amikoj, miaj karaj samideanoj kaj kunlaborantoj ! Multe, multe, tre multe mi volus hodiaŭ diri al vi, ĉar mia koro estas plena ; en la jubilea momento de la esperantismo mi volus paroli al vi pri tio, kio naskis la esperantismon, pri ĝia esenco kaj espereblaj sekvoj ; sed hodiaŭ mi staras antaŭ vi ankoraŭ en rolo oficiala, kaj mi ne deziras, ke mia privata kredo estu rigardata kiel deviga kredo de ĉiuj esperantistoj. Tial pardonu min, ke mi pli ne parolas.

Kio estas la esenco de la esperantisma ideo kaj al kia estonteco alkondukos iam la homaron la interkompreniĝado sur neŭtrale-homa, sengenta lingva fundamento, — tion ni ĉiuj sentas tre bone, kvankam ne ĉiuj en tute egala formo kaj grado. Ni donu do hodiaŭ plenan regadon al tiu silenta, sed solena kaj profunda sento, ni ne profanu ĝin per teoriaj klarigoj.

⁂

Samideanoj ! La antikva pola ĉefurbo, en kiu ni kunvenis, pretigis por ni gastaman akcepton, faris multe, por honori nian aferon kaj por agrabligi al ni nian restadon dum la kongreso. Mi esperas, ke, revenante en siajn hejmojn, ĉiu el vi kunportos kun si plej bonan rememoron pri tiu lando kaj urbo, kiujn la plimulto el vi ĝis nun verŝajne tre malmulte konis. Al la regno kaj lando, kiuj montris al ni sian amikecon, sed precipe al la estraro de la gastama Krakovo kaj al ĉiuj institucioj kaj personoj, kiuj donis al nia kongreso sian moralan kaj materialan subtenon, mi esprimas en via nomo la plej koran dankon. Plej koran kamaradan dankon ni esprimas kompreneble antaŭ ĉio al la senlaca loka organiza komitato, kiu ne ŝparis laboron por la plej bona aranĝo de nia kongreso. Kaj nun mi deziras al vi ĉiuj gajan feston kaj sukcesan laboron.

L. L. ZAMENHOF.

# LIBERAJ VORTOJ

## Post la Kongreso !

Laŭ la ĉi-suba resuma raporto oni povos konstati, ke la Jubilea Kongreso de Esperanto estis ĉiurilate granda sukceso. Sukceso ĝi estis pri la loka organizo, kiu estis perfekta kaj altgrade honorigas niajn Krakovajn samideanojn ; sukceso pro la relative multnombra partoprenantaro ; sukceso, ĉar ni retrovis en ĝi la saman samideanan spiriton, kiu regis en niaj unuaj kongresoj ; sukceso, tial ke oni evitis la senutilajn diskutojn, kiuj akrigis la lastan kongreson.

Koncerne la laboron plenumitan de la Kongreso, ni konstatu, ke ĝi prokrastis la ekzamenon de la organiza domando ; ni havis la impreson, ke tiu prokrasto pli-malpli egalvaloras enterigon, pri kio plendos neniu. Rilate al la temoj, kiuj elvokis diversajn polemikojn dum la jaro, notinde estas, ke per unuanima aprobo estis akceptitaj ankaŭ tiuj delegitoj, kiuj estis elektitaj de societoj ne pagintaj la kotizajon antaŭ ol ili povis ricevi precizajn klarigojn pri la celo por kiu estos uzata la postulata mono. Per tio la Kongreso fakte rekonis la necesecon de detalaj klarigoj, kiujn ni diversfoje petis dum la jaro. Fine, informoj estis publike donitaj pri la uzo de la diritaj kotizajoj, kaj estis akompanitaj per projekto de buĝeto. Oni do vidas, ke ne senutilaj estis niaj admonoj, ĉar ni atingis, ke per ciferoj oni montru por kiuj limigitaj celoj estos difinita la mono el la postulitaj kotizajoj.

Cetere tiu ĉi kongreso, pluan fojon, konvinkis nin, ke la Esperantistaj Kongresoj devas esti antaŭ ĉio publika manifestado kaj festo, multe pli ol labora kunsido por kiu tre malmultaj estas preparitaj. Ĉiufoje kiam ĉe la kongresoj oni volis diskutigi pri detalaj organizaj punktoj oni atingis nur disputojn kaj malkompreniĝojn ; ĉiufoje kiam oni sin limigis je la diskutado de malgravajoj por kiuj unuanimeco estas facile atingebla kaj substrekis la propagandan kaj festan karakteron, la kongresoj sukcesis. Al tiuj lastaj apartenas la Krakova Kongreso, kiu, mi pri tio estas certa, postelasis al ĉiuj agrablajn rememorojn kaj fervorigajn impresojn. La sekvontaj ĝin imitu zorgante ĉefe pri tio, kio nin unuigas, pli ol pri tio, kio nin dividas. Kiel festo kaj propaganda manifestado la kongreso multe pli utilas al Esperantismo, ol kiel speco de parlamento diskutanta kaj leĝodonanta.

⁂

La tria Kongreso de U. E. A., kiu okazis dum la Oka, ankaŭ plene sukcesis. Post sufiĉe longa kaj vigla diskutado ĝi akceptis la proponojn de la Komitato pri la plibonigo de la financa situacio de nia Asocio, nome plialtigo de la kotizajo ĝis 1 Sm. kaj starigo de garantia kapitalo da 10,000 Sm. Tiu propono estos baldaŭ submetata al la ĝenerala voĉdonado kajespereble renkontos la aprobon de niaj Delegitoj, ĉar ĝi estas la sola rimedo por starigi U. E. A. sur normalan financan bazon. La ceteraj raportoj estis akceptataj sen aŭ kun malgravaj ŝanĝoj ; speciale atentinda estis la raporto pri la rilatoj de U. E. A., kun la naciaj societoj, kiu trafis unuaniman aprobon ne nur de la kongreso, sed ankaŭ de la reprezentantoj, kiujn la naciaj Esperantistaj societoj bonvolis delegi ĉe nia Kongreso. Dank'al tio estas ebligita efektiva kaj konstanta kunlaborado inter U. E. A. kaj la naciaj societoj, kiuj aliĝos al la akceptita interkonsento.

Nun, nova agadjaro komenciĝas : ni laboru ! H. H.

Pro manko de loko ni prokrastas ĝis la venonta N-o raporton pri la *Katolika Esperantista Kongreso* kaj la *postkongresoj* en *Wien* kaj *Budapest*.

# KONGRESA RAPORTARO

Vendredon, sabaton kaj dimanĉon grandare alvenas la kongresanoj. Ĉe ĉiu vagonaro helpemaj Krakovaj samideanoj atendas la alvenantojn kaj donas al ili la plej urĝajn informojn. En la stacidomo mem estas starigita akceptejo, kie ĉiu kongresano povas ricevi informojn pri loĝado kaj hoteloj. La kongresa akceptejo mem staras je kelka distanco de la stacidomo, en la Komerca Akademio, kie estas ankaŭ la diversaj ĉambroj por la Kongreso de U. E. A. kaj la fakaj kunsidoj. Tiu akceptejo estas organizita en vere praktika kaj celtrafa maniero. Ĉe la teretaĝo plano montras la disordon de la diversaj ĉambroj : sur la teretaĝo mem monŝanĝejo kaj alloga bufedo kun la tradiciaj nigraj tabuloj baldaŭ kovrotaj per anoncoj, sur la unua etaĝo la akceptejo al la kongresanoj, ĉambro por jurnalistoj, skribĉambro (eĉ kun kongresa leterpapero al ĉies dispono), kongresa sekretariejo, eĉ ripozĉambro por sinjorinoj ; sur la dua etaĝo, la vendejo kaj bone aranĝita ekspozicio. Sur la pordo de la ĉambro rezervita al la akceptejo estas afiŝita surskribo kun la jenaj meditindaj vortoj : Ne rabu tempon al laborantoj. Prizorgu vian aferon kaj iru for ! Kaj fakte ĉiu rapide ricevas sian kongresan dokumentaron — tre dikan — kaj la kongresan insignon : verda rubando kun alegoria medalo rememorigonta pri la jubilea kongreso. La unua impreso pri la organizo de la kongreso estas bonega kaj dum la sekvantaj tagoj tiu impreso ne sole ne foriĝis, sed kontraŭe plifortiĝis. Ke ĝi estas ĉies opinio, pruvas la legado de la tiel nomita « plendolibro », kiu enhavis preskaŭ nur... laŭdojn.

La nombro de la kongresanoj atingas 945.

Tiu nombro estas granda se oni atentas pri la relativa malproksimeco de la kongresurbo el la landoj, kiuj kutime liveras la plej multajn kongresanojn, t. e. : Britujo, Francujo kaj Germanujo.

Sur la muroj de la urbo vidiĝas multnombraj Esperantaj afiŝoj de la lokaj komercistoj, kiuj uzas Esperanton por rekomendi siajn vendaĵojn. Neniam ni vidis tiel multajn Esperante redaktitajn afiŝojn. Sur la stratoj kuras viglaj knaboj, kiuj laŭtege anoncas la *Kongresa Bulteno*, kiu alportas ne nur novajojn pri la kongresaĵoj, sed — imitinda iniciato — resumon pri la okazontaĵoj tra la mondo. Multaj stratoj estas ornamitaj per Esperantaj flagoj.

## La malferma Kunveno

La solena malfermo de la kongreso okazis dimanĉon posttagmeze en la malnova teatro, kiu estis tute plenigita. Kiam D-ro Zamenof kun la naciaj delegitoj, dum la mateno elektitaj, suriras la estradon, laŭtiĝas longa entuziasma aklamado.

Kiam refariĝis silento, S-ro Bourlet, vicprezidanto de la Konstanta Komitato de la Kongresoj, malfermas la kongreson, kiun laŭtradicie devus inaŭguri la prezidanto de la de lasta Kongreso, S-ro Van der Biest, bedaŭrinde mortinta kelkan tempon post la Antverpena Kongreso. Li proponas la jenan kongresestraron, kiu estas aklame akceptita : Prezidanto, S-ro Mikolajski ; ĝenerala sekretario, S-ro G. Chavet ; Sekretarioj : S-roj L. Rosenstock, Rudnicki.

S-ro Mikolajski dankas pro la honoro al li farita kaj transdonas la parolon al la urbestro de Krakovo, kiu per ĉarma Esperanta parolado deziras bonvenon al la kongresanoj kaj diras sian ĝojon, ke Krakovo estas elektita de ili kiel kongresurbo. Poste la prezidanto de la Krakova Komerca Ĉambro salutis la kongresanojn kaj montris la profitojn de Esperanto por la komerco.

Poste la prezidanto donis parolon al D-ro L. L. Zamenhof. Kiam la Majstro leviĝis de sia seĝo ĉeestanto ankaŭ imitis lian ekzemplon kaj trifoje vivuante, longe kaj brue aplaŭdis la Majstron, por kies honoro oni fine ekkantis « La espero ». Tiam la Majstro komencis paroli kun granda libereco kaj lian paroladon la ĉeestantoj aplaŭdis kelkfoje. Kiam la Majstro sciigis, ke la krakova Kongreso estas la lasta, dum kiu li aperas antaŭ Kongresanoj, ekbruis unuvoĉe la protesta vorto : « ne, neeble » (1).

Subkolonelo L. Gostormski, en la nomo de la, Imperia kaj Reĝa aŭstria-hungara ministerio de milito S-roj V. Kraus por la urbestraro de Praha, Krestanov por la ministerio de popola instruado, Behrendt por la urbestraro de Breslau, Mgr. Giesswein por la hungara ministerio de popola instruado, Fischer por la rumana ministerio de terkulturo kaj la urbo Galatz, Nedoŝivin por la rusa ministerio de komerco kaj industrio.

Poste, laŭ la tradicio, parolis la reprezentantoj de la diversaj landoj : Aŭstrio : S-roj Schulhof (bohema lingvo), Glück (Germana), D-ro Ghez (itala), Ŝpicer (Kroata), Jakimĉuk (Ukrajna) ; Hungarujo : Lerand ; Belgujo : Ernst; Bulgarujo : Krestanov ; Britujo : Kol. Pollen ; Harvey (Skotujo), D-ro Jameson Johnston (Irlando), Edwards (Kimrujo) ; Danujo : A. B. Hansen ; Finlando : Antilla ; Francujo : D-ro Sergeant ; Germanujo : D-ro Mybs, D-ro Kandt ; Hispanujo : de San Millan (Kastijiana lingvo), Sabadell (Kataluna) ; Allende (vaska); Hindujo : Serabji ; Italujo : D-ro Stromboli ; Meksikujo : Beranidez ; Norvegujo : Bonnevie ; Polujo : Grabowski ; Rusujo : D-ro Fiŝer ; Rumanujo : Lévy ; Serbujo : Andonoviĉ ; Svedujo : Florell ; Svisujo : J. Schmid ; Usono : Hitzel ; pola universitato de Krakow : Drobner ; landa turista ligo de Krakow, D-ro Schneider.

Fine oni tralegis tutan serion de la telegramoj kaj gratulaj leteroj de la esperantaj societoj kaj eminentaj esperantistoj. Oni akceptis ilin kun aplaŭdoj, kiuj transiris en muĝan esprimon de neeldirebla ĝojado post la tralego de la telegramo de ĥinaj esperantistoj el Ŝanghaj.

Poste oni decidis sendi telegramon al aŭstria imperiestro kaj rumana imperiestrino laŭ propono de Leo Belmont, advokato kaj redaktoro en Varsovio.

(1) La tekston de tiu bela parolado oni trovos sur la unuaj paĝoj de tiu ĉi N-o.

# RAJTIGITA DELEGITARO

## Unua labora kunveno

La kunsido estas malfermata je 3 h. 30 en la malnova teatro, sub la prezido de S-ro Mikolajski.

S-ro prezidanto diras, ke antaŭ ĉio oni devas aprobi regularon por la kunsidoj, kaj li legas la tekston de la projekto pri regularo, prezentita en la raporto de la prezidanto de la K. K. K.

S-ro Mudie proponas, ke en la § 11, oni forstreku la vorton « du » kaj ke per la kalkulo de la voĉdono la kunsidantaro povu elekti nedifinitan nombron da kalkulistoj.

La kunsido unuanime aprobas la modifon de S-ro Mudie. Poste ĝi unuanime akceptas la tekston de la projekto pri regularo.

S-ro Sharpe (Torquay) demandas, ĉu oni ne povus akcepti

per la voĉdono la delegitojn, kiuj ne pagis la difinitan kotizon.

S-ro Bourlet diras, ke la peto por kotizo estas farita konforme al la decidoj regule voĉdonitaj de la sepa kongreso kaj ke la K. K., havis la devon apliki tiun decidon kaj doni voĉdonrajton nur al la pagintaj delegitoj. Tamen al celo de paciĝo kaj konkordo li persone opinias, ke oni povus demandi al la jam pagintaj delegitoj, ĉu ili volas por tiu fojo, ke oni donu voĉdonrajton al la nepagintoj.

La prezidanto prezentas tiun proponon, kiu estas unuanime akceptata.

S-ro Chavet petas, ke oni precize difinu la manieron liveri la voĉdonrajton al la nepagintaj delegitoj, kies nomojn li jam havas, aŭ ĉu oni devas ilin doni ankaŭ al tiuj, kiuj povos poste prezentiĝi.

S-ro prezidanto opinias, ke oni devas doni voĉdonilon al ĉiuj kiuj plenumis aŭ plenumos la regulan formularon.

S-ro Sergeant (Boulogne) diras, ke lia grupo ne sendis la formulojn ĉar ĝi ne volas pagi, sed ke tamen li posedas la rajtigilojn por du voĉoj.

S-ro Behrendt (Breslau) proponas, ke oni enskribu ĉiun delegiton, kiu povas prezenti la rajtigilojn.

S-ro Bourlet aprobas la proponon de S-ro Behrendt,, ke oni akceptu ĉiun rajtigilon, kiun oni prezentos morgaŭ antaŭ la dekdua.

S-ro Krestanof (Sofia) demandas, ĉu enskribante sin nun, oni devas poste pagi la kotizon.

S-ro v. Frenkel (Dresden) diras, ke kiel aganta prezidanto de G. E. A.' li ricevis la komision peti, ke oni solvu la demandon pri pago aŭ ne pago de kotizo ; li diras ke la G. E. A., unuanime akceptis pagi por ĉiuj siaj membroj. Li aldonas ke laŭ lia opinio kelkaj grupoj kiuj ne pagis faris tion pro principo aŭ pro malbona kompreno de la afero, sed ne pro manko de mono. Li petas ke por forigi ĉiujn dubojn oni donu plenajn klarigojn kaj li esperas, ke poste multaj grupoj pagos.

S-ro Bourlet diras, ke li poste donos la klarigojn petitajn de S-ro v. Frenkell, sed ke nune oni devas solvi la demandon pri la akcepto de la nepagintoj por tiu ĉi kongreso.

S-ro Lévy diras, ke la rajto partopreni kaj voĉdoni en la kongreso ne devas esti ligita kun pago de kotizo alia ol la ordinara kongresa kotizo.

S-ro Prezidanto diras, ke la demando de S-ro Lévy estas jam solvita de la Sepa Kongreso en la aldono de la Regularo de la Kongreso.

Li proponas, ke oni voĉdonu pri la demando nun esplorata, t. e., la akcepto por voĉdono en la Oka Kongreso de ĉiuj delegitoj kiuj prezentos regulan rajtigilon.

Oni voĉdonas kaj unuanime akceptas la proponon.

S-ro Prezidanto proponas, ke S-ro Bourlet donu nun la klarigojn petitajn de S-ro v. Frenkell.

S-ro Bourlet diras, ke la plejmulto de la pagintoj ne pagis pro la principo, ĉar ili volas scii por kio utilas la pagotaj kotizaĵoj, Por respondi al tiu demando li devas memorigi, ke la unua kongreso decidis la kreon de oficialaj institucioj sed ne difinis manieron por ilin nune funkciigi. Malavaraj personoj devis do donaci tiun monon kaj fondis la Centran Oficejon uzotan kiel sekretariejo de tiuj institucioj, kaj la dua kongreso aprobis tiun fondon. Sed la fondintoj de la Oficejo organizis ĝin en tute luksa maniero, pri kiu oni ne trovas ilin riproĉi. Oni povas dividi la fakojn nune zorgatajn de la C. O., en du partojn : 1. La oficialaj, absolute necesaj aferoj, kiuj, devas aparteni al la tuta Esperantistaro. Ili estas la Lingva Komitato, la Administra Komitato, la K. K. K., la Arkivejo kaj la Oficiala Gazeto. 2. La utilaj sed ne absolute necesaj aferoj, kiuj estas la bibliografia laboro, la eldono de broŝuroj, de la tutmonda jarlibro kaj de diversaj statistikaj laboroj.

Ĝis nun ambaŭ partoj estis mone zorgataj de privatuloj sed de la venonta jaro Glo Sebert konfidos al la Administra Komitato la prizorgon de la unua parto. Kelkaj personoj opinias, ke konsiderante la ĝisnunajn elspezojn, la kotizo, postulata por la rajtigitaj delegitoj, donos sumon tute ne sufiĉan por subteni tiun unuan parton, sed S-ro Bourlet povas montri per ekzemplo de buĝeto, ke tiu kotizo povus sufiĉi. Jen lia ekzempla buĝeto :

| Enspezoj | Fr. |
|---|---|
| Kotizoj de 30.000 Esperantistoj...... | 3.000 |
| 2.000 abonoj al Ofic. Gazeto.......... | 10.000 |
| Sume... | 13 000 |

| Elspezoj | Fr. |
|---|---|
| Por enkasigo de la enspezoj........... | 1.300 |
| Salajroj ............................ | 3.000 |
| Loĝejo kaj ĝeneralaj elspezoj......... | 1.200 |
| Presado de la Ofic. Gazeto............ | 3.600 |
| Sendado — ............ | 1.200 |
| Sume... | 10.300 |

Restas profito de 2.700 fr.

Tiu ekzemplo bone montras, ke la Esperantistaro povas mem per la kotizo de siaj delegitoj administri la necesan parton de la C. O., kaj nenio malhelpas, ke oni akceptu discipline la pagon de tiu cetere tre malgranda kotizo. Por administri tiun monon laboros la Administra Komitato, elektita de la naciaj societoj, kiuj povos kaj eĉ kelkfoje devos sin plenigi aŭ renovigi. Tiamaniere en plej demokratia kaj laŭ regula maniero niaj propagandaj societoj prizorgos siajn oficialajn instituciojn.

S-ro v. Frenkell diras, ke se li bone komprenis Glo Sébert faris gravan donacon kaj prezentas al la Esperantistaro la C. O. sen iu ajn ŝuldo, kaj ke nun ni mem plene kontrolos ĝian financan administradon.

S-ro Bourlet respondas *jes* al tiuj du demandoj.

S-ro Mudie diras, ke post la nokto venas la brila mateno. Li opiniis, ke la kotizo estas tro frua, ĉar la grupoj ne estis sufiĉe informitaj, sed nun post la klarigo de S-ro Bourlet, li estas tute kontentigita. Reveninte hejmen, li rakontos, kion li aŭdis, kaj rekomendos al siaj amikoj, ke ili pagu la kotizon. Li esprimas sian dankon al Glo Sebert kaj al ĉiuj, kiuj malavare helpis lin. Li aprobas, ke en sia plano S-ro Bourlet ne aludis pri niaj kongresoj, kies financoj devas esti memstaraj kaj pri kiuj cetere zorgas la kongresa kaso. Li aldonas ke ĉar multaj grupoj estas tre malriĉaj oni povus eble malaltigi la abonprezon al Ofic. Gazeto, kiu povus esti malpli grava.

S-ro Sergeant diras, ke post la klarigoj de S-ro Bourlet li tuj pagos la kotizon de sia grupo.

Post lego de diversaj telegramoj la kunsido estas fermita je 5 h.

## Dua labora kunveno

La kunveno estas malfermata je 3 h. 1/2 sub la prezido de S-ro Mikolajski.

La protokolo de la antaŭa kunsido estas akceptata. S-ro Chavet legas danktelegramon de Lia imperiestra kaj reĝa moŝto pro la respektegaj sentoj al li esprimitaj de la kongreso.

S-ro Chavet prezentas la raporton de S-ro Prezidanto de la L. K, kaj diras, ke en la hieraŭa kunsido de la L. K-anoj la raporto estas unuanime aprobita.

S-ro Bourlet prezentas la raportojn de S-ro Prezidanto de la C. O. kaj de la A. K. kaj li diras, ke la klarigoj, kiujn li prezentis en la unua kunsido, kompletigas tiujn raportojn.

S-ro Hansen diras, ke la klarigoj donitaj de S-ro Bourlet bezonas ian sankcion de la kongreso, kaj li proponas, ke la

kongreso voĉdonu ĝiun tekston, kiu resumas la aferon. Jen la proponita teksto : « La Kongreso, aŭdinte la raporton de la A. K., aprobas ĝin kiel ankaŭ la klarigojn de la vicprezidanto ; ĝi kore dankas Glon Sébert pro tio, ke li transdonos senŝulde la C. O. al la Esperantistaro kaj esprimas la deziron, ke de la 1 de Januaro 1913 la oficialaj servoj de la C. O. (L. K., K. K. K., ofic. Gazeto, k. a.) estu plene apartigitaj de aliaj servoj kaj submetitaj al la regado de la A. K. laŭ la plano montrita de la vicprezidanto ».

S-ro Mudie aprobas la proponon de S-ro Hansen.

Tiu propono estas unuanime akceptita.

S-ro Rollet de l'Isle prezentas la raporton de la komisiono pri ĝeneralaj organizajoj. Li diras, ke tiu komisio, elektita en Antverpeno, elektis subkomisionon de tri membroj por esplori ĉiujn projektojn aŭ proponojn kaj por prepari raporton submetatan al la aprobo de la tuta komisiono kaj poste publikigotaj en la O. G. tri monatojn antaŭ la oka. Bedaŭrinde pro la granda malfacileco de la laboro de la demando (efektive estas tralegotaj kaj diskutotaj pli ol okdek proponoj, artikoloj, leteroj, ktp. entenantaj malsimilajn ideojn) la subkomisiono ne sukcesis prezenti, en taŭga tempo al la tuta komisiono, raporton, kiun ĝi povis studi — kaj sekve tiu komisiono ne povis publikigi iun projekton, tri monatojn antaŭ la nuna kongreso. Do la komisiono hodiaŭ ne estas preta prezenti al la kongreso projekton, kiun tiu kongreso povas alpreni kiel bazon de diskutado. Apartenas al la kongreso decidi, ĉu la komisiono devas daŭrigi sian laboradon kaj prepari projekton diskutotan ĉe la venonta kongreso.

S-ro v. Frenkell diras, ke la laboro de la komisiono estas tre malfacila pro la diverseco de la opinioj de la komisionanoj kaj pro ilia diseco ; pli bone estus, se la komisio povus loĝi en unu urbo aŭ ankaŭ se la komisiono konsistus el unu persono.

S-ro Belmont diras, ke oni bezonas almenaŭ unu anstataŭanton eventualan de la komisionano por lin anstataŭi en okazo de malsano.

S-ro Mudie diras, ke oni devas prokrasti la tutan aferon, pri kiu en la antaŭa kongreso oni decidis tro frue.

S-ro Bourlet opinias, kiel S-ro Mudie, ke oni devas prokrasti *sine die* la demandon pri ĝenerala organizajo kaj liberigi la komisionanojn de ilia tasko. En Barcelono oni fondis la konsilantaron, kiu nun estas nia A. K. En Antverpeno oni fondis la parlamenton de la rajtigitaj delegitoj, kiu ne povis ĝis nun plene funkcii. Ni vidu nun kiel funkcias tio, kio ekzistas, kaj oni poste vidos, ĉu oni devas ion aldoni aŭ forpreni.

S-ro Heller diras, ke oni devas decidi nun, ĉu oni volas havi aŭ ne ĝeneralan organizajon, kaj li proponas, ke la kongreso decidu, ke la esperantistaro organiziĝu sendepende de U. E. A.

S-ro Pazelt diras, ke li trastudis la demandon kaj ke laŭ li oni bezonas lokon de kiu oni povu ricevi ĉiujn oficialajn informojn kaj jarlibron, en kiun oni enskribos ĉiujn societojn eĉ tiujn, kiuj ne povas pagi por tiu enskribo.

S-ro v. Lidel, diras ke li ne konsentas pri la propono de S-ro v. Frenkell, t. e. ke oni konfidu la taskon al unu persono. Estas preferinde, ke oni elektu kelkajn personojn por la bono de la afero, sed estas eĉ pli bone prokrasti la tutan priorganizan demandon.

D-ro Kandt diras, ke kiel sekretario de la subkomisiono li tralegis ĉiujn raportojn kaj konvinkiĝis, ke dekkvin personoj ne povas labori skribe, sed parole. Li proponas, ke oni ne ŝanĝu la komisionon sed ke oni kunvenu por priparolo dum la kongreso. Li verkis la duan raporton de la subkomisiono kaj sendis ĝin tro malfrue por ke ĝi povu esti presita en la oficialaj raportoj. Sed li deziras, ke oni publikigu ĝin poste, por ke lia laboro ne estu senutila. Li konsilas, ke oni ne fiksu templimon por la laboro de la komisiono. La G. E. A. deziras ĝeneralan organizajon. Ni ne decidu pri la tempo, ni venos en la taŭga tempo al la ĝusta solvo.

S-ro Mahn ne aliĝas al la propono de S-ro Bourlet : se G. E. A. unuanime deziras ĝeneralan organizajon, tio signifas, ke la demando estas matura ; estus danĝere prokrasti la aferon.

S-ro Werner Anttila deziras, ke oni ne elektu novan komisionon, sed ke la nuna finu sian laboron. Li tamen konsentas, ke la tempo estas ne tute oportuna. La Finnoj kredas, ke esperanta-reprezentantaro ne estas efektivigebla, ke ni eble ankaŭ devos decidi, ĉu la A. K. ĉu la Akademio reprezentas la tutan Esperantistaron oficiale, ekz. antaŭ la registaro.

S-ro Bourlet diras, ke la propono pri prokrasto de la priorganiza demando ne venis de li, sed de S-ro Mudie. Post longa pripensado li unue opinias, ke ni diskutas pri afero jam finita. Laŭ li nia tuta organizo staras sur tri ŝtupoj : sur la unua ŝtupo estas la rajtigitaj delegitoj, sur la dua la L. K., kiu sin okupas nur pri lingvaj demandoj, kaj la A. K. kiu zorgas pri la financaj kaj materiaj demandoj, sur la tria estas la Akademio kaj la K. K. K. La unuiĝo de la propagandaj societoj ne koncernas la Kongreson sed tiujn societojn mem.

S-ro Mudie proponas la jenan rezolucion :

« 1) Ke la demando pri ĝenerala organizo estu prokrastata kaj sekve oni ne reelektu specialan komisionon por studi la demandon.

« 2) Ke koncerne la demandon pri unuiĝo de naciaj societoj la Kongreso opinias, ke tiu dependas de la societoj mem, kaj sekve decidas ne diskuti ĝin, sed nur rekomendas ke la koncernaj societoj studu la oficialajn raportojn prezentitajn kaj faru sian eblon por interkonsiliĝi kaj tiel pli bone antaŭenpuŝi nian propagandon tra la tuta mondo. »

La delegitoj alportas siajn voĉdonilojn. S-ro v. Frenckell petas la parolon por sciigi, ke li kun siaj amikoj voĉdonis kontraŭ la propono de S-ro Mudie nur, ĉar ili ne volas, ke oni reelektu novan Komisionon.

S-ro Chavet diras, ke en tiuj kondiĉoj oni devus voĉdoni kune modifon de S-ro V. Frenckell, ke cetere li konstatis, ke ne ĉiuj ĉeestantoj komprenis la ĝustan signifon de la voĉdonado. Sekve li proponas ke oni nuligu tiun voĉdonon kaj ke oni reprenu la diskuton.

La delegitoj tion unuanime akceptas.

S-ro Mudie diras, ke proponante la prokraston de la demando pri ĝenerala organizajo, li ne deziras, ke oni nuligu ĝin. Se la malkompreno, kiu okazis, venis de la frazparto, kiu koncernas la nereelekton de la Komisiono, li estas preta ĝin forstreki.

La rezolucio tiel modifita estas akceptita.

Jen tiu teksto :

« 1) Ke la demando pri ĝenerala organizo estu prokrastata.

« 2) Ke koncerne la demandon pri unuiĝo de naciaj societoj, la Kongreso opinias, ke tiu dependas de la societoj mem kaj sekve decidas ne diskuti ĝin, sed nur rekomendas, ke la konceraj societoj studu la oficialajn raportojn kaj faru ĉion eblan por interkonsiliĝi kaj tiel pli bone antaŭenpuŝi nian propagandon tra la tuta mondo ».

S-ro Poncet (Lyon) prezentas proponon de S-ro Dejean, ke post ĉiu kongreso, la deziroj esprimitaj de la rajtigitaj delegitoj estu submetataj al la aprobo de la grupoj.

Ĉar tiu demando ne estas en la tagordo de tiu kunsido, la Prezidanto ne malfermas diskuton kaj fermas la kunvenon.

## Tria labora kunveno

La kunveno malfermiĝas vendredon je 3 h. 1/2 sub la prezido de S-ro Mikolajski.

D-ro Kandt, post kelkaj klarigoj pri la tasko de la komision por ĝenerala organizajo, proponas la jenan tekston :

« La rajtigitaj delegitoj de la propagandaj societoj en la Oka Kongreso decidis :

« 1· ke la komisiono elektita en Antverpeno por studi la demandon pri ĝenerala organizajo, daŭru funkcii.

« 2· Ke ĝi prezentu al la Naŭa Kongreso raporton pri la nun ekzistantaj institucioj, pri ilia funkciado kaj pri rimedoj por ilin kunordigi.

« 3· Ke oni publikigu tiun raporton tri monatojn antaŭ la kongreso kaj ke oni proponu pri ĝenerala organizajo ».

S-ro Mudie deklaras, ke li akceptas la modifitan tekston.

La teksto estas unuanime akceptita kun la proponita modifo. La tria paragrafo estos do jene redaktita : « Ke oni publikigu tiun raporton tri monatojn antaŭ la kongreso ».

Venas poste la demando pri loko de la venonta Kongreso.

S-ro Stromboli anoncas, ke li invitas la naŭan Kongreson en *Genova* (aplaŭdoj) kaj instigas multnombre veturi al la venonta Kongresurbo por vigligi la italan movadon.

La propono pri Genova kiel kongresurbo por 1913 estas aplaŭde akceptita.

Same estas akceptita la propono okazigi la Kongreson de 1914 en *Parizo*. Por tiu ĉi Kongreso la Konstanta Komitato de la Kongresoj estos kompletigata je du novaj membroj : S-roj Rollet de l'Isle kaj Chaussegros.

Invitoj por la postaj kongresoj, el Edinburgh, Bukarest, Bern, Ameriko, ktp., estas resendataj al la K. K. K.

La Kongreso poste unuanime akceptas diversajn gratulrezoluciojn, speciale por la aŭstria ministerio de la fervojoj pro la eldono de la belaj Esperantaj gvidlibroj tra Aŭstrio kaj por S-ro A. Michelin, donacinto de la premio por la francaj lernantoj.

Post diversaj komunikoj le kunveno estas fermita je 5 h. 1/2.

## La Ferma kunveno

La ferma kunveno de la tuta Kongreso okazis sabaton posttagmeze, sub la prezido de S-ro Mikolajski.

La sekretario legas diversajn saluttelegramojn aplaŭde akceptatajn.

D-ro Zamenhof suriras la estradon kaj anoncas, ke li jus legis pri la morto de abato Schleyer aŭtoro de Volapük, li proponas, ke oni leviĝu por honori lian memoron.

S-ro Pazelt alportas al D-ro Zamenhof la salutojn de la germanbohema Esp. Ligo, ĝojas, ke la laboroj de la Kongreso povis okazi en plena konsento, kaj transdonas rememorajon al D-ro Zamenhof.

S-ro Lévy en la nomo de la blinduloj dankas ĉiujn apostolojn de la Esperanta movado ĉe la blinduloj, kaj montras per diversaj ekzemploj, kiamaniere Esperanto povas utili al la ĉiulandaj blinduloj.

La proponoj de S-ro Lévy estas resendataj al la K. K. K.

La Kongreso akceptas sendi kondolencan telegramon al la urbestraro de Konstanz okaze de la morto de abato Schleyer (aplaŭdoj).

S-ro Ernst (Charleroi) anoncas Esperantan semajnon, kiu okazos en Gento dum la tiea ekspozicio.

S-ro Bourlet aldonas, ke la ekspozicia estraro de Gento voĉdonis gravan monhelpon por la Esperanta semajno.

S-ro Devjatnin transdonas la salutojn de la Esperantistaj grupoj de l'urboj vizititaj dum lia piedira vojaĝo al Krakovo.

S-ro Kandt raportas pri la kunveno de la komercistoj.

S-ro Nedoŝivin invitas la kongresanojn viziti Rusujon.

S-ro Schmid avertas la Esperantistojn, ke ili ne kunlaboru kun la Weltsprachamt, en Berno, kiu havas nur ŝajnan neŭtralecon sed estas efektive Idista entrepreno, pri kies sukceso dubas la prezidanto mem.

Li proponas aranĝi antaŭkongreson en Berno.

S-ro Behrendt, kiel prezidanto de Ildepo, parolas pri la enkonduko de Esperanto ĉe la poŝtistoj kaj petas adresojn de poŝt-oficistoj.

S-ro Pazelt atentigas pri gvidlibro de Franzesbad kaj tie okazonta postkongreso.

La Prezidanto ĝojas pri la plena sukceso de tiu kongreso kaj la frateco, kiu regis inter kongresanoj. Li esperas, ke D-ro Zamenhof konsentos ankoraŭ plue konduki nian aferon (aklamado) kaj dankas al la urbestraro, al la loka organiza komitato (triobla aklamado).

S-ro Gluck dankas la Krakovajn organizintojn pri la bela aranĝo de tiu neforgesebla kongreso : kongreso de paco kaj konkordo. En la historio de Esperanto la nomo Krakovo estas enskribata per oraj literoj. Li transdonas al la loka komitato dankalbumon subskribitan de ĉiuj kongresanoj kaj atestantan pri ilia dankado pro la aranĝo de tiel grandioza kaj sukcesplena manifestado.

S-ro Rosenstock, en humora kaj elokventa parolado, longe ovaciita, dankas al ĉiuj kongresanoj pro ilia konstanta kunlaborado, ĝojas, ke la kongreso okazis en tiel bela harmonio kaj deziras al ĉiuj feliĉan hejmrevenon.

P-ro Budvjin salutas la kongresanojn en la nomo de la Loka Komitato.

S-ro Mudie aldonas siajn gratulojn pri la bonega organizo de la Kongreso.

S-ro Kronenberg parolas por ĉiam pli vigla propagando ĉe la junularo kaj pri la interna ideo, kiu nin unuigas.

Post kelkaj dankvortoj de D-ro Zamenhof, kaj triobla aklamado, sekvita de « La Espero », la Prezidanto fermas la kongreson dum malrapide foriras la kongresanoj por la reciprokaj adiaŭoj.

# LA FESTOJ KAJ DISTRAJOJ

Festoj kaj distrajoj estis multaj dum la Kongresa semajno.

Kiel la aliaj kongresajoj ili estis bonege kaj gustoplene organizitaj; niaj Krakovaj samideanoj meritas ĉies dankon kaj gratulojn pro la belaj rezultatoj atingitaj.

Sabaton vespere preskaŭ ĉiuj gastoj troviĝis en la konstruajo de « Teatro de Nowości », kies kabaretan parton oni prezentis esperante. Larĝa ĉambro plenumis ĝis la lasta sidejo. Post finita unuakta prezentado la teatra ĥoro kantis « La Espero ». Kabaretan flankon plenigis artistoj de la Teatro de Novajoj : Palĉevska, Sydor kaj Karbowski kantante kaj deklamante. Kun granda plezuro oni aŭskultis la kantadon de almozulo « Kial en Krakovo okazadas la VIII[a] Kongreso », traktanta pri krakova delegito, kiu ne estas tiel fraŭlinama kiel oni lin prezentis, sed tre zorgema kunorganizanto de Oka, al kiu la kongreso multe ŝuldas. Tre interesa estis ankaŭ la parolado pri « Centra Kuirejo » de Juliusz Kriss (« Ĥino »), kiu bone posedas la lingvon kaj ŝerce priparolis la tendencojn en nuna Esperantistaro.

Dimanĉon tagmeze diversnaciaj reprezentantoj de la Kongreso estis invitataj je tagmanĝo afable proponita de la Krakova urbestraro. Ĉe la deserto multnombraj tostoj de la urbestro, de D-ro Zamenhof kaj de la invititaj reprezentantoj, speciale S-roj Bourlet, Mudie, Ghez, Krestanov, Stromboli, Mybs, Kühnl, k. a.

Dimanĉon vespere, lunĉo estis proponata de la Organiza Komitato, helpata de la urbestraro, al ĉiuj kongresanoj. Pli ol 800 personoj kunvenis en la granda salono de la Pafista societo kaj, laŭ pola kutimo, stare manĝis plej bongustajn malvarmajn nutrajojn. Vivplena estis la spektaklo de tiu originala festeno — « raŭto », kiel ĝin nomas la *Kongresa Bulteno*.

La Jubilea Festvespero okazis lundon en la ĉambrego de l'malnova teatro. La unuan fojon oni per simila festvespero honoris la kreinton de Esperanto, sed oni devas konfesi, ke la « vespero » estis grandioza ! Komprenis tion la ĉeestantoj kiuj ĝis la lasta sidloko okupis la ĉambregon — multaj jam

ne trovis seĝojn kaj estis devigataj stari — ili esprimadis per tondraj aplaŭdoj sian ĝojadon kaj ĝuadon.

La koncerton komencis la orkestro de la 100-a infanteria regimento per polonezo de Chopin, post kio ĥoro, sub la direkto de S-ro Walewski kantis la jubilean kantaton, komponitan de la direktanto laŭ la vortoj de A. Graboswki. Tondraj aplaŭdoj estis premio por la komponisto kaj la ĥoro.

Laŭvice suriris la estradon la konata, ŝatata pola Esperantisto Leo Belmont el Varsovio kaj en sprita, iafoje sarkasma kaj tranĉe ironia parolo submetis al kritiko tiujn « saĝajn, tiujn multe instruitajn, mokantajn lingvon artefaritan, mokantajn nin Esperantistojn, ĉar ni asertas, ke ni ĉiuj povas reciproke kompreniĝi ».

Kiam eksilentis fine la longaj, ripetataj aplaŭdoj, per kiuj oni premiis la spritan kaj originalan paroladon de S-ro Belmont, aperis sur la estrado S-ino Schayer kies riĉa repertuaro de esperantaj kaj neesperantaj kantoj ravis la aŭskultantaron. La deklamado de la drama artistino S-ino Wysocka, kiu deklamis Esperante du tradukojn de polaj versaĵoj. 1.) Sur Jungfraŭ de M. Konopnicka kaj 2.) Mi malĝojas Sinjoro de J. Slowacki — estis akceptata simple kun entuziasmo. Ankaŭ la ĥoron, kiu kantis pole kaj Esperante diversajn popolkantojn oni per senĉesaj aklamoj kaj brua aplaŭdo instigis al ripetado.

Sed la plej plezuriga kaj unika distraĵo, kiun ĝuis la kongresanoj estis sendube la vizito de la salminoj en Wieliczka. En tiu ĉi ekskurso partoprenis ĉirkaŭ 1.200 personoj. La unua vagonaro konsistanta el 25 vagonoj de I kaj II klaso veturis kun ĉirkaŭ 1000 partoprenantoj. Antaŭ la stacidomo en Wieliczka atendis la alvenon de la gastoj la urbestro Aywas kun kelkaj reprezentantoj de tiea urbkonsilantaro. Kiam la grandega vagonaro venis sur la stacion en Wieliczka, la salmina muzika orkestro ludis la « Esperon ». Eksonis krioj por la honoro de Wieliczka kaj Poloj. La urbestro Aywas invitis esperante la gastojn kaj en la nomo de la Oka dankis pole kaj Esperante D-ron Mikolajski post kio ĉiuj gastoj en grandega amaso ekiris al la ŝakto de ĉefduko Rudolfo. La gastoj veturis malsupren en la minon per liftoj; ili estis dividitaj en du grupoj. La interno de la mino estis ĉie lumigita per grandiozaj artfajraĵoj. La gastoj vizitis detale la kapelon de l'sankta Antonio, ĉiujn kamerojn, la lagon, la subteran stacidomon « Goluchowski », la kapelon de sankta Kinga kaj la balsanolon. Super la lumigita lago la muziko ekludis la kanton : « Dio Patro », la gastoj malkovris la kapojn kaj en serioza agordo aŭskultis la polan kanton. Vere grandioza vidaĵo. Kiam ĉesis la muziko, en la profundoj de la mino denove eksonis la ekkrioj : Vivu Polujo, Vivu Poloj !

En la stacidomo konstruita en la profundaĵoj de la mino estis pretigita perfekta bufedo por la gastoj, ĉe la sonoj de la salmina muzikistaro oni amuziĝis kaj manĝis gaje. Tamen la plej bona amuziĝo komenciĝis en la balsalono; oni dancis tre fervore kaj la gastoj nur nevolonte obeis la superministojn, vokantajn al reveno. En la balsalono regis senĝena kaj gaja humoro ; estis neniu ne partoprenanta en la amuziĝo. Ĉiuj samideanoj estis simple surprizitaj per la akcepto en Wieliczka kaj ili tute ne faris el tio sekreton, ke ion similan ili ne esperis trovi en Polujo. Plenaj de neforgeseblaj impresoj revenis la samideanoj Krakovon je la 7 1/2 vespere.

Antaŭ la reveturo Krakovon la stacidomo de Wieliczka pleniĝis de la tiea loĝantaro, adiaŭanta la Esperantistojn. La urbestron S-ron Ayvas adiaŭis ĉiuj esperantistoj, dankante al li pro la bona organizo de l'vizitado de la salmino.

Merkredon vespere, familia vesperfesto kunigis la kongresanojn ĉe la festhalo de la Arkitektura Ekspozicio. Oni aplaŭdis prezentaĵojn de diverslandaj Esperantistoj, Esperantan komedieton « La Urso » kaj hungarajn kantojn.

Ĵaŭdo estis « libera tago ». Tio ne signifas, ke la kongresanoj restis senokupaj. Matene okazis la diversaj diservoj : hebrea, katolika, protestanta, kiuj kiel kutime altiris multe da partoprenantoj. Speciale multaj estis la vizitantoj de la hebrea sinagogo, kie rektoro Saphra faris elokventan predikon en Esperanto.

Je la dek-unua sur la ĉefplaco okazis granda manifestado ĉe la monumento de la glora pola poeto Mickievicz. Florkrono estas deponita sur la monumenton, kaj en la nomo de la kongresanoj S-ro Hodler esprimis la sentojn de la Esperantistoj pri la plej glora reprezentanto de la pola genio kaj antaŭtempa adepto de la interna ideo de Esperantismo ; tiun paroladon polen tradukis D-ro Mikolajski.

Simila manifestado okazis posttagmeze ĉe la monumento de Kopernik, kie S-ro C. Bourlet rememorigis la karieron de la fama scienculo.

En la arkitektura ekspozicio okazis agrabla festo-koncerto dum kiu estis disdonataj la premioj de la Literaturaj Konkursoj.

La prezentado de « Mazepa » en nova teatro faris grandegan impreson al ĉiuj ĉeestantoj. La majstra dramo de plej fama poeto pola Slovacki en ne malpli majstra traduko de poeto esperanta Grabowski kortuŝis ĉiujn. Tre rimarkinda estis la ludo de la Krakovaj profesiaj geartistoj, Gesroj Wysocka, Jednowski, Sosnowski, Stanislawski, Krysinska Bieganski, Maryanski kaj Wegrzyn. Precipe la ludo de Gesroj Maryanski kaj Wysocka estis varmege aplaŭdata. Post la prezento oni aranĝis ovacion por la honorigo de la tradukinto, kiu kelkvorte, dankis la geartistojn.

La pola gazetaro recenzis plej favore pri la esperanta dramprezento.

Ne malpli grandan sukceson havis la prezentado de « Halka », la unua opero en Esperanto. La sukceso preterpasis ĉiun esperon. Aparte ravis la publikon la polaj dancoj kaj la belaj kantoj, tradukitaj en eleganta Esperanto. Longaj aklamoj multfoje reaperigis la geartistojn sur la scenejon, kaj ĉe la fino de tiu neforgesebla prezentado, la lerta tradukinto de « Halka », S-ro Grabowski, kiel ĉe « Mazepa », esprimis sian dankon al la fervoraj artistoj pro la altaj impresoj, kiujn ilia bela ludo elvokis ĉe ĉiuj ĉeestintoj.

Fine, la kutima internacia balo havis grandan sukceson. Pli multnombraj ol en la antaŭaj kongresoj estis la naciaj kostumoj. Estas neeble citi la diversajn naciajn vestojn kaj kostumojn, kiuj similigis la partoprenintojn al kolorabundaj papilioj. En la ondoj de lumo, en vere internacia atmosfero kiu ŝajnis trapenetri ĉies korojn kaj mentalojn, oni amuziĝis perfekte. Veran sensacion faris S-ro Rosenstock en sia Napoleona kostumo, kiu efektive konvenis kun lia Napoleona vizaĝo.

## SPECIALAJ KUNVENOJ

Kiel kutime okazis multnombraj fakaj kunvenoj, speciale de TEKA, studentoj, Scienca Asocio, juristoj, psikistoj, teozofoj, socialistoj, liberpensuloj, k. a.

*Scienca Asocia Esperantista*

S-ro Bricard, profesoro en Parizo, prezidis. Post la akcepto de la statuto proponita en la Antverpena kongresa la kunveno voĉdonis por elekti anojn de sia komitato dum la proksima jaro. Unuanime S-ron D-ron Forster profesoron en Berlino, oni elektis kiel prezidanton; S-ro profesoro Bujwid de la universitato de Krakovo, kaj S-ro profesoro Cotton de la Sorbono vic-prezidantoj. Moralan kaj financan raporton faris la ĝenerala sekretario S-ro Rollet-de-l'Isle.

Poste oni aldonis kelkajn klarigojn pri la teknikaj vortaroj, pri la funkciado de la Scienca gazeto kaj pri la sekcio de la Internaciaj kongresoj. La kunsido unuanime decidis gratuli kaj danki S-ron Mac Kelvy de la Bursan of Standard's el Waŝington, por liaj klopodoj pri enkonduko de Esperanto en la Sciencaj kongresoj.

*Tekaj kuracistoj*

D-ro Mybs prezidis la kunvenojn ; kiel sekretario oficis D-ro Robin. Post la tralego de raportoj de sekretario de T. E. K. A., D-ro Rottschuh el Aachen (Germanujo) kaj de kasisto, D-ro G. Johston el Londono, unuanime akceptitaj, oni komencis diskuton pri la nova projekto de statuto (regularo) de T. E. K. A. kaj oni decidis, ke elektita dum la kunsido speciala komisiono, konsistanta el D-ro Chybczynski (Varsovio), D-ro Mikolajski (Lwow) kaj D-ro Ŝidlovskij (Moskvo) opiniu antaŭ novjaro, kio en la projekto de D-ro Chybczynski estas ŝanĝota. Poste komencis tre longedaŭraj, sed tamen la tutan tempon tre viglaj diskutoj de ĉeestantoj pri la organa afero. Rezulte oni elektis kiel ĉefredaktoron de organo de T. E. K. A. D-ron Chybczynski (Polujo) kaj oni decidis, ke en ĉiu lando estu starigotaj po unu aŭ pli da kunredaktoroj, kies tasko estos kolekti bonan materialon en sia lando por la ĵurnalo kaj alsendi ĝin regule al la ĉefredaktoro, por ke estu vere internacia kuracista gazetaro.

Dum la dua kunsido oni elektis specialan komisionon, konsistantan el prof. Jameson-Johnston (Dublin), D-ro G. Johnston (Londono) kaj D-ro Rothschuh (Aachen) kies celo estos klopodi, ke dum la estontjara XVII-a Internacia Kuracista Kongreso en Londono, Esperanto havu en ĉiuj sekcioj la samajn rajtojn, kiel ĝisnunaj oficialaj lingvoj de kongresoj. Poste dum la dua kaj tria kunsido okazis pure sciencaj prelegoj de D-ro Sos el Wien (Novaj metodoj en dentkuracado), D-ro Dubrowicz el Varsovio (pri salvarsano) kaj D-ro Fiŝcher el Tiflis (Pri eksterutera gravedo) kaj oni tralegis (pro foresto de aŭtoro) artikolon de D-ro Mosel el Svislando (Pri aktinomikozo). En postprelegaj diskutoj partoprenis multaj ĉeestantoj.

*Esperantistaj juristoj.*

Sub prezido de S-ro de Wierzchowski, imp. reĝa senatano, la ĝenerala kunveno okazis lundon. Oni aŭdis la raporton de la Ĝenerala Sekretario S-ro Degon. La 14-an okazis dua kunsido, dum kiu oni elektis kiel prezidanton por anstataŭi S-ron Blott, S-ron de Wierzchowski, jam vic-prezidanto por Aŭstrio. Oni pritraktis diversajn temojn precipe pri la rilatoj kun la centra oficejo de internaciaj asocioj en Bruselo, kies la organo « Vivo Internacia » estos resume represita en la Revuo, per la zorgoj de la societo.

*Studentoj*

S-ro Giercuszkiewicz, el Krakow, prezidis la kunvenojn. Oni diskutis pri la organizo de la Esperantista studentaro kaj aŭdis plurajn paroladojn pri tiu temo.

*Teozofoj*

Ĉe la teozofia kunveno, S-ino Diou-Trouillon paroladis pri la teozofia doktrino, S-ino Tiard legis eltirajojn el la verkoj traktantaj pri teozofio ; oni poste diskutis pri laborprogramo por la estonteco.

# TRIA KONGRESO DE U. E. A.

## Malferma Kunsido

Lundon, 12 aŭg., precize je la 9 h. 1/2 la prezidanto de U. E. A., S-ro H. B. Mudie, malfermas la Kongreson per salutaj vortoj.

La Prezidante esprimas la deziron, ke la kunsidoj denove estos la atesto pri la valora laboro, kiun U. E. A. ne nur per, sed ankaŭ por Esperanto plenumas. Post legado de la kongresprogramo, la propono « rapidigi la laborkunsidojn tiel, ke la Kongreso povu esti fermata vendredon », estas unuanime akceptata. En mallonga parolado la Prezidanto aludas la de U. E. A. dum la lasta jaro plenumitan laboron, citas la ĝojigan kreskon de la membroj kaj la malpli ĝojigan staton de la financoj, kiuj bezonas specialan atenton kaj finan solvon. Rakontante pri la malfacila tasko de nia Delegito en London li informas la ĉeestantaron, ke de nun speciala sekretario prizorgas la laboron, kiu tiel kreskis, ke ne plu estis eble ĝin sufiĉe kontentige plenumi. Citante la helpon, kiun li mem ĉie ricevis kaj ĵus denove en Bad Reichenhall, de kie li transdonas la salutojn al la Kongreso (*aplaŭdoj*), li tuŝas la ofte priparolitan problemon de « *por* » kaj « *per* ». Vane klopodas kelkaj personoj disigi ĉi tiujn du movadojn. Ili ne estas praktike tiel apartigeblaj kiel eble teorie ili ŝajnas. Ili estas multe tro ligitaj unu kun la alia. La pera agado de U. E. A. estas, kiel pruvas multaj faktoj, la plej bona por-Esperanta agado. (*Aplaŭdoj*). U. E. A. havas malamikojn, sed tio ne estas grava. Ne de U. E. A.. estos tio la malutilo sed nur de la kontraŭuloj mem. U. E. A. dum 5 jaroj senbrue iris sian vojon al la nuna sukceso. Ne multe paroli sed des pli obstine labori ; kun ĉi tiu devizo U. E. A. daŭros kaj progresos, kaj neniu povos tion malhelpi (*Aplaŭdoj*).

Li nun transdonas la vorton al la Direktoro de U. E. A., S-ro H. Hodler, por la malferma parolado, kiu estas atente aŭdata kaj varme aplaŭdata (1).

(1) La teksto de tiu parolado aperas en nia venonta N·

Diskutado post tiu parolado ne okazas, kaj oni transiras al la legado de la I-a raporto pri la agado de la Centra Oficejo de U. E. A., kies legado estas interrompata kaj finata per aplaŭdoj.

Post ĝi la diskutado estas malfermata.

S-ro R. V. Lidl (Poremba-Silezio) aprobas la laboron de U. E. A., sed deziras la disigon de « Por » kaj « Per ».

S-ro Allende (Bilbao) rakontas pri la malfacila tasko de la karavanestroj, S-roj Poncet kaj Génermont, kaj esprimas al ili la koran dankon de la karavananoj (*Aplaŭdoj*).

S-ro Mahn (Breslau) bedaŭras la forstrekon de la aprobantoj.

La Prezidanta petas lin pritrakti ĉi tiun demandon ĉe la financa raporto, al kiu ĝi plej multe rilatas. S-ro Silbernik (New-York) transdonas la salutojn de la « Usona Esperanto-Asocio » (*Aplaŭdoj*). Li ĉeestis la kongreson de ĉi tiu Asocio en Boston kaj raportis al ĝi pri U. E. A. Li petas, tute aprobante la celon de U. E. A., ke oni sin limigu al la per-Esperanta agado.

S-ro Prezidanta atentigas denove pri la praktika malebleco de nepra disigo (*Aplaŭdoj*).

S-ro v. Frenckell (Dresden) transdonas al la Kongreso la salutojn de G. E. A. kaj de la Dresden'aj samideanoj (*Aplaŭdoj*). Li petas informojn pri la starigo de la Delegitoj kaj deziras por atingi plej grandan fidindecon la kunlaboradon kun la naciaj societoj.

S-ro Mudie atentigas lin pri la raporto de S-ro Rousseau, en kiu ĉi tiu demando estas speciale traktata en la senco de kunlaboro. U. E. A. mem deziras tian kunlaboradon.

S-ro Edwards-Aberystwytt (Kimrujo) deziras, ke oni evitu la diskutojn de *por* kaj *per*, kaj ke laŭ bona angla uzo ĉe laboras subskriboj oni agu « Por-Per » (*Aplaŭdoj*).

S-ro Drtina (Roznov) deziras, ĉar ĉiuj Delegitoj « por », ke oni enmetu paragrafon pri tio en la statuton, al kio la Prezidanto respondas, ke estas preferinde lasi la nunan staton, ĉar U. E. A. ne deziras fari iun ajn konkurencon al la

naciaj Societoj. La aranĝo de kursoj ktp. devas esti lasata al la naciaj societoj, ankaŭ se la aranĝantoj aŭ instruistoj estas la Delegitoj de U. E. A.

S-ro Hansen (Kopenhago) opinias, ke estas necese diskuti la demandon « por » kaj « per ». Sendube la per-Esperanta agado de U. E A. estas la plej efika por-Esperanta propagandilo *(Aplaŭdoj)*. La personoj estas multe pli facile haveblaj por Esperanto per la « pera » agado, ĉar nur ĉi tiu povas promesi profitojn. La uzo de Esperanto per societoj aŭ urboj kiel ekz. Breslaŭ ne okazas por servi al Esperanto, sed por servi al si mem. Ili ne uzas ĝin por ĝin propagandi, sed por ricevi palpeblajn profitojn.

S-ro Mahn esprimas la opinion, ke U. E. A. kun siaj nunaj celoj estas la plej grava nuna movado kaj ke en estonteco U. E. A. estos la intelekta patrujo de la homa kulturo.

S-ro Behrendt (Breslau) atentigas pri la fakto, ke ankaŭ ekster U. E. A. ekzistas fervoraj propagandistoj de Esperanto, al kio S-ro Prezidanto respondas, ke ĉi tiu fakto estas de neniu kontestata kaj ke U. E. A. kompreneble ne povas enhavi ĉiujn fervorajn propagandistojn, ĉar multaj personoj tute ne ŝatas eniri Asocion.

S-ro Pazelt (Obergrund, Bohemujo) diras, ke interne de U. E. A. estu fondata fako simila al la jam ekzistantaj fakoj, kiu sin okupus kun la por-Esperanta propagando.

S-ro Brzezinski (Posen) petas informojn, ĉu nur Esperantianoj povas aboni *Esperanto*, al kio la Prezidanto respondas, ke kompreneble ĉiu povas aboni ĝin kaj ke tio estas tre dezirinda.

Ĉar neniu plu petas la parolon la kunsido estas fermata je la 12a.

## I-a Laborkunsido *(14 Aŭg. 1912)*

La Prezidanto proponas la aprobon de la raporto de la Direktoro, kio estas unuanime akceptata.

Rilate al la financa raporto, pro la foresto de S-ro Stettler, S-ro Hodler resumas la diritan raporton. Zorga kalkulo pruvas, ke po membro ni ankoraŭ havas perdon : ju pli da membroj des pli da deficito. Dank'al la sistemo de la subtenantoj la antaŭvidita deficito ne estas tiel granda kiel oni supozis. Laŭsperte U. E. A bezonas jare 6-7000 Sm. Laŭ la opinio de kelkaj oni povus eble malpligrandigi la elspezojn, sed estas fakte neeble. La salajroj estas necesaj kaj tre modestaj. La presaĵoj same estas necesaj, ĉar informoj nur en la gazeto ne sufiĉe efikas. Same la elspezoj por Jarpago kaj jarlibro estas nur la absolute necesaj. La sola rimedo por plibonigo do estas nur la pligrandigo de la kotizaĵo ĝis 1 Sm. Ni fine devas atingi certan financan bazon.

La Prezidanto proponas la diskutadon pri la kotizaĵo, kio estas akceptata. La Prezidanto opiniis unue, ke ju pli granda estas la nombro de Esperantianoj des pli bone por nia Asocio, sed per la faktoj li konvinkiĝis pri la neebleco de tia plibonigo.

S-ro Mahn opinias, ke la kotizaĵo da 1 Sm. estas eble tro granda; oni bonvolu plibonigi la varbadon de la aprobantoj kaj tiel forigi la deficiton.

S-ro Stromboli (Genova) havas la kontraŭan opinion, ke la celo, la laboro de U. E. A. bezonas pligrandigon de la kotizaĵo ; li ne nur aprobas sed volas ĝin pligrandigi ankoraŭ super 1 Sm. Oni erare komencis per tro malalta kotizaĵo : Ni nun estas pli fortaj kaj ne plu devas tiun eblan perdon da membroj. Ni devas ne nur plialtigi la kotizaĵon, sed eĉ malpliigi niajn servojn kaj nin limigi al du aŭ tri, ekzemple komerco kaj turismo. La plialtigo estu ĝis 4 Sm. La turista itala Asocio tuj komenciĝis per alta kotizaĵo kaj en la komenco preskaŭ nenion donis al la membroj. (6 fr. jare). Nun ĝi havas pli ol 100.000 membrojn kaj donas al ili multe da profitoj. Se ni ne same agas, ni ĉiujare revenos al la sama financa malfacilaĵo. En la kotizaĵo de 4 Sm. estu entenata la abono al la gazeto, ĉar sole la membroj, kiuj regule ricevas la gazeton, povas esti rigardataj kiel seriozaj membroj. Eĉ se restus nur kvarono de la nuna membraro tio ne estus grava, ĉar tiu restanta kvarono estus la plej agema parto kaj ĝi baldaŭ akirus per sia fervoro multajn novajn membrojn *(Aplaŭdoj)*.

S-ro Sharpe (Torquay) opinias, ke ĉiu persono devas pagis la servojn, kiujn ĝi petas. 1 Sm. estas tre malmulte rilate al la servoj ricevataj. Sed la personoj, kiuj deziros pli pagi, bonvolu pagi pli.

S-ro Drtina deziras atentigi, ke la membraro de U. E. A. estas tre diversa. La plialtigo estas eble danĝera, ĉar la kotizaĵo estas alta por tiuj, kiuj ĝis nun ne uzis la servojn de U. E. A., kaj malalta por tiuj, kiuj jam uzis aŭ ofte uzas la servojn de la Delegitoj. Certe la lastaj pli volonte pagos ol la unuaj. Li rakontas pri grava servo, kiun li en advokata entrepreno ricevis de la Delegitoj de Berlin kaj Frankfurt. Tiu ĉi servo valoris almenaŭ 1 Sm. kaj estus bone, se oni ankaŭ tiam devus pagi tiun sumon.

S-ro Vermaas (Rotterdam) ekteruris, kiam li ekaŭdis la proponon de 4 Sm. La C. O. de U. E. A. eldonu kuponaron, kaj la servoj nun estu farataj al la kuponarhavantoj. Li aludas la malfacilecon de la laboro en grandaj urboj, kie la Delegitoj ofte ne havas la tempon.

S-ro Parrish (Los Angeles) subtenas la plialtigon al 1 Sm. kaj malaprobas la proponon pri kuponaroj. Certe parto de la anoj foriros, sed tiu ne estus tre grava parto. Ĉiuj Delegitoj de li vizititaj opiniis, ke la pligrandigo al 1 Sm. estus necesa kaj ankaŭ akceptata *(Aplaŭdoj)*.

S-ro Glück (Wien) diras ke kiam li aŭdis pri la plialtigo li longe hezitis, ĉu tio estas profito aŭ ne. Li tre subtenas la proponon de S-ro Vermaas. En Wien estas eble 40 membroj, sed ili nur estas membroj, ĉar ili subtenas U. E. A. pro ĝia graveco en Esperantujo, ne pro eblaj profitoj.

S-ro Mahn konstatas, ke ĉiuj konsentas, ke plialtigo estas risko. Ni turnu nin al la fervoraj Esperantianoj, ke ili varbu subtenantajn membrojn. Se ĉiu varbus nur 1 aŭ 2, ni havus la necesan sumon.

S-ro v. Frenckell rigardas la proponon de S-ro Stromboli kiel tre gravan kaj interesan, sed hodiaŭ ne ankoraŭ efektivigebla. Ni ne ankoraŭ estas maturaj, sed eble kaj espereble baldaŭ estos. Tamen ni alvenis al la momento, kiam oni povas postuli seriozan kotizon. Se ni pagas la servojn, estas necese ke la Delegitoj donu pli da tempo kaj ke ili pli serioze laboru. La postulo de enirpago estus tre utila kaj ni ne zorgu tro pri la personoj, kiuj ne ĉiam havas tempon aŭ monon. Ni postulu ion kaj ni ricevos ĝin *(Aplaŭdoj)*.

S-ro Sharpe petas, ke ni estu pretaj pagi ion, eĉ se ni mem ne havas la profiton, sed nur la aliaj. Se ni mem ne uzas la servojn, ni tamen per aliĝo kaj pago helpu al U. E. A. pensante, ke aliaj havas la profiton de nia mono.

S-ro Sabadell (Barcelona) opinias, ke por Hispanujo estas tre danĝera propono plialtigi la kotizaĵon. Oni aldonu kuponojn, se oni uzas la servojn de U. E. A. kaj oni zorgu, ke la trouzantoj de la servoj ilin pagu.

S-ro Vermaas diras, ke en U. E. A. estas du partoj : tiuj, kiuj donas kaj tiuj, kiuj prenas la servojn. En ĉiu komercejo oni devas pagi tion, kion oni deziras. Ĉiu persono, kiu uzas la servojn, pagu ilin.

Por S-ro Poncet (Lyon) U. E. A. estas ĉefe praktika afero. La demando estas, ĉu U. E. A. valoras 1 Sm., kaj certe, eĉ pli ĝi valoras.

S-ro Hansen (Kopenhago) : oni ne povas eviti la plialtigon al 1 Sm. Se tio eble ne estas sufiĉa ni tuj plialtigu ĝin kaj ne denove venu post kelka tempo. Rilate al la kuponaro li opinias, ke ĝi estas en si mem bona sed en U. E. A. praktike tre malfacile realigebla, se ne tute neebla. Estas tre malfacile fari tarifon pri la servoj, ĉar ilia nombro estas senlima kaj tute ne difinebla. La ebla pago de la servoj estu laŭvola.

S-ro Litovo (Varsovio) raportas, ke U. E. A. ne bone funkcias tie, ĉar tie la membroj grandparte eĉ ne scias Esperanton. Ni klopodu havi seriozajn anojn, ne nur tiel nomatajn membrojn. Ni petu la Delegitojn, ke ili aligu nur seriozajn anojn, personojn, kiuj ne malbonuzas la servojn de la Delegitoj. Ofte la petoj estas tute sensencaj. Li atentigas, ke granda parto de Delegitoj ne abonas *Esperanto*; oni devigu al la abono, sed diferenciĝu la prezon por membroj kaj nemembroj *(Aplaŭdoj)*.

S-ro Borel (Berlin) proponas la kunligon de kotizaĵo kun kuponaro. Ĉiu ricevu eble 5 kuponojn senpage, sed poste li pagu la pluajn.

S-ro Hodler resumas la proponojn. Estas tri ĉefaj punktoj. 1e Oni lasu la nunan kotizajon; 2e oni altigu ĝis 1 Sm. Tio estas la propono de la C. O. de U. E. A. kaj de la Komitato; 3e oni altigu ĝis 4 Sm. kun senpaga ricevo de gazeto. Li klarigas, ke estas la demando ne ĉu danĝera ĉu nedanĝera estas la propono; ĉar la nuna kotizaĵo kondukas nin al nepra bankroto. Se ni ne plialtigus ni estus en unu jaro nur rememoro. Eĉ se oni principe estas por 1/2 Sm. oni devas praktike esti kontraŭ ĝi. La propono de 4 Sm. enhavas la proponon, ke 2 Sm. estu por la pago de la gazeto. La propono de la Komitato (1 Sm.) estas kun la abono al la gazeto (2 Sm.) simila al tiu propono, ĉar oni tiam havas 3 Sm. Sed oni ne iru al ekstremo. Oni ne povas arbitre fiksi 4 Sm. La ideo pri kuponaro ne solvas mem la financan demandon. Krom tio ĝi ne estas praktika. Eĉ la malgranda peto de respondelspezoj estas ofte ne plenumata. Tre multaj membroj ne ankoraŭ aplikas la regularun eĉ en la plej necesaj punktoj. La propono pri kuponaro kaj Esperantiaj markoj estas certe studinda. La demando de enirpago jam estas studita, sed ne estas dezirinde ĝin samtempe postuli kun la plialtigo. La klopodoj por plimultigo de la aprobantoj estis malgraŭ ĉiuj klopodoj tute sen sukceso. Estas dezirinde forigi tute ĉi tiun kategorion. Tamen povas esti interne de U. E. A. personoj, kiuj eĉ ne scias Esperanton, se ili nur aprobas la teladon de U. E. A. Ni estus malpraktikaj, se ni ne akceptus ĉiujn, kiuj volas veni al ni. La multnombreco certe multe helpis al la U. E. A., sed por atingi tion, oni devis en la komenco havi tre malaltan kotizajon. Do ni iru nur al la necesa minimumo, t. e., la kotizaĵo proponita de la komitato *(Aplaŭdoj)*.

La Prezidanto nun proponas la akcepton de la 1a paragrafo de la financa raporto Kontraŭ du voĉoj la propono estas akceptata kaj la kunsido fermata je la 12-a.

## II-a Laborkunsido (*16 Aŭg. 1912*)

S-ro Hodler raportas pri la propono de garantia kapitalo. La kotizaĵo da 1 Sm. estas risko kaj por eviti dum la unua jaro eblan deficiton oni bezonas certigon kaj fortigon de la financoj per speciala kapitalo. Oni intencas kolekti garantian kapitalon, konsistantan el 200 partoj po 50 Sm.

La administrado de la kapitalo okazos sendepende de U. E. A. per la pagantoj mem. Se U. E. A. nuntempe volas entrepreni novan servon, ĉiam mankis al ĝi la necesa mono. Tiun staton ni volas forigi per la garantia kapitalo. Do unue tiu ĉi kapitalo forigas eblajn deficitojn, due servas por novaj entreprenoj.

La Prezidanto proponas la diskutadon de la propono, kiun li nun subtenas, kvankam li havis antaŭe alian planon.

S-ro Stromboli petas pri la dumvivaj membroj informojn kiujn donas S-ro Hodler klarigante, ke ĉiu persono, kiu pagas almenaŭ 1 garantiparton, fariĝas dumviva membro. S-ro Sharpe petas kelkajn informojn pri la depono de la mono.

S-ro Hansen petas informojn, ĉu en okazo de neantaŭvidita riĉiĝo de U. E. A., la garantiantoj rericevas la pagitan monon kaj petas aldoni tian paragrafon.

S-ro Mahn demandas, ĉu ne estas plipraktike nomi la garantikapitalon donaco. La Prezidanto petas la voĉdonadon. S-ro Hodler atentigas, ke la garantiantoj decidos, kiam oni devas pagi kaj kiam ne, sed oni ne povas repagi la eble jam forprenitajn sumojn.

S-ro Stromboli rekomendas la britan sistemon kaj insistas pri tio aludante la italan turistan Asocion. La dumvivaj membroj estas grava parto rilate al la financoj, kaj oni prizorgu ĉi tiun demandon.

La Prezidanto proponas nun la akcepton de la propono, kio okazas unuanime.

S-ro Hodler rekomendas la akcepton de la buĝeto. Ĉar neniu petas la parolon la Prezidanto petas la akcepton de la tuta deziresprimo de la financa raporto.

S-ro Hansen proponas, ke oni ne forstreku la aprobantojn kaj ke oni akceptu en U. E. A. nur verajn Esperantistojn.

S-ro Hodler opinias, ke estas tre malfacile difini, kiu scias kaj kiu ne scias Esperanton. Por eblaj trompoj tio estas tute senvalora punkto. Estas necese rigardi U. E. A. ne laŭ pure Esperantista vidpunkto, sed laŭ ĝiaj principoj.

S-ro Mahn, opinias ke oni ne povas forstreki la aprobantojn, ĉar estas sufiĉe da personoj, kiuj aprobas U. E. A. sed ne scias Esperanton.

S-ro Stromboli opinias, ke oni tro konfuzas U. E. A. kun la movado por Esperanto. La ĉefaĵo por ni estas, ke ni aprobas la celon de U. E. A.

La proponita deziresprimo estas fine unuanime akceptata.

S-ro Hodler rekomendas la akcepton de Raporto 3a (Interŝanĝa Fako), kio okazas unuanime.

S-ro Hodler raportas pri la Laborista Fako (Raporto 4a). La membraro ne estas kontentiga kaj ne sufiĉas por eldono de Laborista bulteno. La demando estas, ĉu forigi tute ĉi tiun fakon, ĉu pagi la ŝuldojn per U. E. A. kaj rigardi ĝin kiel servon de U. E. A.

S-ro Vermaas proponas, ke oni forigu la bultenon, sed ne la fakon. La Prezidanto esperas, ke oni trovos en tiu direkto la vojon por konservi la fakon.

S-ro D-ro Stromboli esprimas la opinion, ĉu ne estus praktike sendi al la membroj ne la jarlibron, sed la bultenon.

S-ro Vermaas subtenas sian proponon de forigo de la bulteno; kontraŭe S-ro Hansen kredas ke ne estas bone forigi jam post unu jaro la fakon.

La Prezidanto resumas la proponon de S-ro Vermaas: la fako estu konservata kaj oni publikigu en « Esperanto » la necesajn informojn; tiu propono unuanime akceptata.

La Prezidanto raportas pri la rezultato kontentiga de la interparolado kun la reprezentantoj de la naciaj societoj laŭ la propono de S-ro Rousseau kaj proponas la akcepton de la rilata deziresprimo, kiu estas kun aldono de dankesprimo unuanime akceptata.

S-ro Hodler raportas, anstataŭante S-ron Stettler, pri la « Esperantia Hotela Servo » (Raporto 6a) kaj klarigas, ke la farita enketo montris diversajn malfacilaĵojn laŭ la rilataj landoj. Ni tute ne petas de la hotelmastro, rabaton aŭ pagon kaj pro tio ne estos tre malfacile trovi en ĉiu sufiĉe grava urbo la necesan hotelon. La efektivigo de la propono tro dikigus nian jam tro dikan jarlibron kaj pro tio estas dezirinde eldoni la jarlibron en du partoj.

S-ro Mahn rekomendas, ke en la elektitaj hoteloj oni elmetu libron por statistikaj enskriboj. S-ro Stromboli opinias bone, elekti du klasojn da hoteloj.

S-ro Parrish subtenas la proponon kaj petas precize fiksi la prezon. S-ro Vermaas opinias, ke ne estas eble fiksi nur unu prezon.

Al kio respondas S-ro Hodler, ke fakte estas dezirinde havi iom da libereco por la hotelmastro kaj ke oni faru nur prezlimojn. La propono estas nun unuanime akceptata.

S-ro Poncet resumas sian raporton pri Esperantiaj markoj kaj speciale petas, ke la Delegitoj servu nur al la Esperantianoj.

S-ro Stromboli opinias, ke estas malfacile rifuzi helpon, ĉar hodiaŭ la ĝenerala sento estas helpi al ĉiu Esperantisto.

S-ro Vermaas ne povas vidi rilaton inter la markoj kaj la servoj al la Esperantianoj.

La Prezidanto opinias, ke estas preferinde resendi al la Komitato la proponon. Fine la propono kun modifo de S-ro Hodler estas unuanime akceptata.

S-ro Mahn raportas pri la enkonduko de Esperanto en la komercon (Raporto 7ª).

S-ro Hansen subtenas la proponon kaj rigardas la proponon kiel tre gravan; ĝi ne apartenas al U. E. A. sed al la « por-Esperanta organizo ».

S-ro Stromboli rekomendas la resendon al la Komitato de U. E. A., ĉar ĉi tie mankas la sufiĉa tempo por profunde esplori demandon tiel gravan.

S-ro Poncet opinias, ke estas dezirinde fari diferencon ĉe la firmoj. Kelkaj estas kontentaj kun la rezultatoj de Esperanto-reklamo; aliaj tute ne.

S-ro Vermaas insistas, ke la demando rilatas al "per"-Esperanta agado, ne al la « por » Esperanta-Movado.

S-ro Chilard (Versailles) konstatas ke multaj Esperantianoj ne konigas, ke ili estas Esperantianoj.

S-ro V. Sidl (Poremba) opinias, ke oni devas esti danka al U. E. A., se ĝi entreprenas la efektivigon de la propono.

S-ro Mahn petas, ke oni almenaŭ aprobu principe la proponon, se oni resendas ĝin al la Komitato.

La Prezidanto proponas la simplan resendon, kiu estas akceptata kontraŭ 3 voĉoj. La demando pri principa aprobo estas kontraŭ 1 voĉo akceptata.

S-ro Hodler raportas pri la raporto de S-ro Mann (Esperanto praktika).

S-ro V. Sidl petas informojn, kial U. E. A. malpermesis la represigon de la Delegitadresaro en la « poŝkalendaro ». S-roj Parrish, Vermaas, Fleck, Mahn, Poncet, kaj la Prezidanto opinias, ke la malpermeso estas tute rajtigita kaj prava. La raporto estas unuanime akceptita.

S-ro Parrish raportas pri sia vojaĝo. Li ĝoje konstatas, ke li atingis per Esperanto tre grandan publikon. La sukceso en Usono estas tiel grava, ke oni decidis speciale uzi Esperanton en estonteco por la neeŭropa propagando.

S-ro Hansen proponas ke la III-a Kongreso de U. E. A. sincere danku S-ron Parrish por lia uzado de la esperantiaj servoj, per kio li tiel bone pruvis la utilecon de U. E. A., tiu propono estas aplaŭde akceptata.

Li poste proponas la diskuton pri la venonta Kongreso. S-ro Stromboli proponas Genova kaj la komencon de septembro. La Prezidanto proponas ke oni principe subtenu la elekton de Genova kaj rekomendas ĝin al la Komitato por elekto. Tiu propono estas unuanime kun aplaŭdoj akceptata.

S-ro Stromboli petas, ke la kongresraportaro estu presata pli frue, kion promesas fari laŭeble S-ro Hodler.

S-ro Hodler legas leteron de S-ro Privat, kiu estas varme aplaŭdata, kaj transdonas la salutojn de S-roj Stettler kaj Rousseau.

S-ro Glück proponas sendi al S-ro Privat leteron, kiu esprimas la bedaŭron, ke li ne povas ĉeesti la Kongreson (kun aplaŭdoj akceptata).

La propono Fleck, sendi salutojn al la dua aŭstralia kongreso, estas unuanime akceptata.

Je la 12ª tagmeze la kunsido estas fermata.

## III-a Laborkunsido (*17 Aŭgusto 1912*)

S-ro Behrendt (Breslau) raportas pri sia raporto 12ª (Universala leterafranko). Laŭ la celo de U. E. A. pritraktado de tia demando estas ĝia laborkampo. U. E. A. povas nur zorgi, ke la diversaj ŝtatoj prezentu tian proponon al la Poŝta Kongreso, sed ĝi mem ne povas prezenti ĝin, ĉar nur proponoj de ŝtatoj estas rigardataj. De poŝtadministracia vidpunkto oni devas klopodi enkonduki malaltan leterafrankon. La praktika vivo sole povas iom post iom perforte enkonduki la kvarspesdekan afrankon. Se ne estas eble tuj ĝenerale atingi la celon oni komencu pli modeste kaj klopodu enkonduki tian afrankon en najbaraj landoj. Li petas, ke la Delegitoj traduku la raporton en la rilatan nacian lingvon kaj petu la komercajn ĉambrojn por subskribo kaj subteno. Tiel ni pruvos, ke Esperanto estas ne nur ludilo, sed ilo por serioze trakti internaciajn gravajn demandojn. *(Aplaŭdoj)*.

La Prezidanto atentigas, ke Nov-Zelando jam enkondukis la sistemon kaj deziras, ke oni denove atentigu la Delegitojn pri la tiel praktikaj respondpoŝtkartoj kaj respondkuponoj. S-ro Behrendt opinias kaj deziras, ke oni disigu la du demandojn.

S-ro Vermaas petas, ke oni speciale atentigu la Delegitojn pri la propono kion promesas fari S-ro Hodler per Oficiala Bulteno.

La deziresprimo estas unuanime akceptata.

S-ro Hansen deziras, ke la respondkuponoj ankaŭ havu Esperantan tekston, kaj ke oni mem stampu la respondkuponojn, se oni ne oficiale volas surpresi la Esperantan tekston.

S-ro Behrendt klarigas, ke surstampo ne estas permesata, same kiel estas malpermesate stampi poŝtmarkon.

S-ino Diou-Trouillon raportas pri la Virina Fako anstataŭante S-inon L. de Ferrer.

S-ro Hodler kontraŭstaras al la propono anstataŭigi la nomon « Virina » per « Feminista ». Rilate al la financoj li devas konstati, ke la enspezoj ne sufiĉas por daŭrigi la bultenon. Do oni povas eble provizore enpresi la informojn en « Esperanto » anstataŭ la bulteno. La deziro de S-ino de Ferrer, ke la bulteno pli regule aperu kaj pli ofte, estas ne plenumebla pro financaj kaŭzoj. La nomo « feminista » kontraŭstaras al la regularo de U. E. A., kiu estas neŭtrala rilate al politiko. Kontraŭ 3 voĉoj la propono, ke la nomo restu « virina », estas akceptata.

S-ro Hodler submetas la jenan deziresprimon al voĉdonado : « La 3ª Kongreso de U. E. A. esprimas la deziron, ke la Virina Fako estu daŭrigata sub sia ĝisnuna nomo, konservante neŭtralan karakteron ». Tiu propono estas akceptata.

S-ro Mahn petas, ke en la jarlibro oni donu informojn pri sistemo de renkontiĝo en la stacidomo.

S-ro Vermaas proponas, ke la personoj, kiuj uzas U. E. A. almenaŭ havu la okazon pagi la servojn. La C. O. de U. E. A. eldonu kuponojn, kiujn povas aĉeti tiuj, kiuj deziras pagi. Li spertis, ke multaj deziras ion pagi por ricevitaj servoj.

S-ro Behrendt opinias, ke estas preferinde pagi per respondkuponoj.

S-ro Hansen subtenas la ideon pri kuponaro.

S-ro Vermaas insistas pri la praktikeco de sia ideo.

S-ro Behrendt opinias, ke la servoj de la Delegitoj ne estas pageblaj. Oni estu kompleza, aldonu eble du respondkuponojn sed ne rigardu tion kiel pagon.

S-ro Hodler kredas, ke U. E. A. ne havus profiton de la eldono. Cetere, se pago estas laŭvola, ĝi iom similas al trinkmono, kio estas evitinda, kaj ankaŭ verŝajne malmulte estus uzata. Fine la propono estas resendata al la C. O. de U. E. A. kaj al la Komitato. S-ro Hodler certigas, post demando de S-ro Poncet, ke « Esperanto » estas lia proprajo kaj ke nur parto estas oficiala en ĝi.

S-ro Stromboli esprimas la deziron, ke la Komitato studu la demandon, ĉu oni ne povus ligi la abonon al la gazeto kun la kotizajo. La gazeto fariĝu propajo de U. E. A.

S-ro Poncet bedaŭras, ke eĉ Delegitoj ne abonas *Esperanto*. Li petas, ke oni instigu la Delegitojn al abono.

S-ro Nedoŝivin (Kovno) opinias, ke U. E. A. devas havi sian propran organon. Estas necese, bone scii la interrilatojn inter la gazeto kaj U. E. A.

S-ro Hodler donas la petitajn klarigojn. S-ro Hodler kaj D-ro Stromboli proponas, ke la demando pri la gazeto estu studata de la Komitato (unuanime akceptata).

S-ro Hansen plendas, ke la Delegitoj ricevas multe da korespondpetoj kaj proponas, ke la C. O. de U. E. A. eldonu presaĵojn, en kiu la petantoj estas atentigataj pri la speciala fako (unuanime akceptata). La Prezidanto konstatas la bonan sukceson de nia III-a kongreso kaj esperas revidi ĉiujn en nia IV-a Kongreso.

Post triobla aplaŭdado, li deklaras finita la III-an Kongreson de U. E. A.

# DEZIRESPRIMOJ DE LA 3-A KONGRESO DE U. E. A.

**Raporto 1a**

La tria Kongreso de U. E. A. aprobas la raporton de la Direktoro pri la lastjara agado de la Asocio.

**Raporto 2a**

La tria Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de l'Financa Fakestro, aprobas ĝin kaj esprimas la deziron ke :

1e Estu akceptata la buĝeto por la jaro 1912-13.

2e Estu akceptataj la tri proponoj por la plibonigo de la financa stato de U. E. A., kiel ili estas klarigitaj en la raporto.

**Raporto 3a**

La tria Kongreso de U. E. A. aprobas la raporton de la Fakestro de *Universala Interŝanĝa Asocio* kaj rekomendas al ĉiuj Delegitoj kaj Esperantianoj diskonigi la ekziston de tiu fako.

**Raporto 4a**

La tria Kongreso de U. E. A. esprimas la deziron, ke la Laborista Fako estu konservata kaj ke oni publikigu ĝiajn informojn en la oficiala organo de U. E. A.

**Raporto 5a**

La tria Kongreso de U. E. A. esprimas la deziron, ke la Virina Fako estu daŭrigata sub sia ĝisnuna nomo, konservante neŭtralan karakterizon.

**Raporto 6a**

La tria Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Ed. Stettler pri « hotela servo » aprobas ĝin kaj instigas la Delegitojn, ke ili kiel eble plej zorge kunlaboru por ĝia efektivigo. Al ĉiuj Esperantianoj ĝi rekomendas uzi la servojn de la Esperantiaj hoteloj.

**Raporto 7a**

La tria Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro G. Mahn pri « Enkonduko de Esperanto en la komercon » principe aprobas ĝin kaj resendas ĝin al la Komitato por plua studado.

**Raporto 8a**

La tria Kongreso de U. E. A. aprobas la raporton de S-ro W.-W. Mann, pri « Propagando praktika » kaj varme rekomendas ĝian studadon al la Centra Oficejo de U. E. A.

**Raporto 9a**

La tria Kongreso de U. E. A. sincere dankas al S-ro Parrish por lia uzado de la Esperantiaj servoj, per kio li tiel bone pruvis la utilecon de U. E. A.

**Raporto 10a**

La tria Kongreso de U. E. A., aŭdinte la raporton de S-ro Rousseau pri la kunlaborado de la naciaj societoj kaj U. E. A. :

1e Aprobas lian projekton pri interkonsento kun la naciaj societoj ;

2e Esprimas la deziron, ke estu plenumata la programo de kunlaborado kun la naciaj societoj, kiun li prezentas en tiu raporto.

3e Dankas la naciajn Esperantistajn societojn, kiuj sendis reprezentanton ĉe la Kongreso de U. E. A.

**Raporto 11a**

La tria Kongreso de U. E. A. resendas la raporton de S-ro L. Poncet pri « Esperantiaj Markoj » al la Komitato, por ke ĝi studu la demandon.

**Raporto 12a**

La tria Kongreso de U. E. A.,

Konsiderinte la nunan multvariecon en la tarifoj por leteroj, devenantan tiel el la diversaj pezosistemoj kiel el la ekzisto de la Universala Poŝtunio kaj multaj specialaj poŝtuniiĝoj,

Konsiderinte la fakton, ke jam nun preskaŭ duono de ĉiuj leteroj estas submetata al afranko malpli granda ol la afranko de Universala Poŝtunio,

Konsiderinte la nekonvenaĵojn, devenantajn el la ĉi supre cititaj faktoj, elmetas la deziresprimon,

Ke la universala leterafranko estu malpliigata ĝis la tiel nomata penny-afranko (10- centima afranko).

Se tio ne estas ebla, la starigo de specialaj poŝtunuiĝoj

*a)* Inter ĉiuj ŝtatoj de unu kontinento, aŭ almenaŭ,

*b)* Inter najbaraj landoj.

Estu celata, por enkonduki la unuecan dekcentiman afrankon por leteroj kaj proporcie malpli grandan afrankon por la aliaj specoj de korespondaĵoj.

## Diversaj deziresprimoj

La tria Kongreso de U. E. A. resendas al la Komitato la demandon pri eldono de kuponaroj por laŭvola pago de servoj.

La tria Kongreso de U. E. A. resendas al la Komitato la demandon pri la oficiala ĵurnalo.

La tria Kongreso de U. E. A. resendas al la Komitato la demandon pri loko la venonta kongreso, rekomendante elekti Genova.

# ESPERANTIAJ KARAVANOJ

La du karavanoj organizitaj de Francujo Krakov'on por la membroj de U. E. A., havis grandan sukceson.

La unua, kondukata de S-ro Genermont foriris de Paris la 6-an de Aŭgusto vespere kaj post mallonga haltado en Strasburg, trapasis Stuttgart, kie ĝi estis salutata de la tieaj Esperantistoj kaj alvenis Münĥenon. En tiu-ĉi urbo ĝi estis atingata de la alia karavano kiu venis de Lyon tra Svisujo sub la konduko de S-ro Poncet : tiu ĉi prenis tiam sur sin la gvidadon de ambaŭ kunfanditaj karavanoj.

En München, la Esperantianoj estis kore akceptataj de la tiea delegito kaj de la samideanoj ; estis organizata por la vespero de l'sepa de Augusto promenado (iom malseka) en Ekspozicio ; tie nin atendis multaj samideanoj de la tiea grupo, kaj ni aŭdis belan koncerton de militista muziko.

La postan tagon (8-an) ni vizitis aŭtomobile dum la tuta mateno la belegan urbon kaj grandegan bierfabrikejon monde konatan « Loewenbrau » kie lunĉo permesis al ni ĝui la bonecon de tiu trinkaĵo. Posttagmeze okazis agrabla

vizito en la Arta kaj Metia ekspozicio; kaj vespere granda festo propaganda estis donata, kun parolado en germana lingvo, kantoj kaj dancado.

Plej koran dankon ni ŝuldas al la Delegito de U. E. A., kaj al la grupo de München, kiuj tiel klopodis por agrabligi al ni la restadon en tiu urbo.

La 9-an de Aŭgusto matene, ni foriras el München kaj haltas en Salsburg. Sub la konduko de Delegitoj de Reichenhall kaj Salsburg, ni, post matenmanĝo tre ŝatata, promenas en tiu vizitinda urbo kaj supreniras per ŝnurvagono al la kastelo, kie ni ĝuas plej belan vidadon al la urbo kaj al la montoj, kies kelkaj estas kovrataj de neĝo. Revenante al la stacidomo ni salutas la statuon de Mozart, kies naskiĝan domon ni ankaŭ vizitas.

Post agrabla vojaĝo en interesa regiono ni alvenas vespere Vien'on.

Multaj esperantistoj nin atendas ĉi tie, ni vespermanĝas en la stacidomo, kaj ĉe l'fino de la manĝado, ni aŭdas kelkajn entuziasmajn paroladojn de delegitoj de multaj nacioj: Aŭstrio, Germanujo, Anglujo, Usono, Bulgarujo, Francujo, Hispanujo, Hungarujo, Italujo, Rusujo, Polujo; ankaŭ la delegito de U. E. A., nin kore salutas; estas kvazaŭ kongreseto.

Sabaton 10-an, kondukitaj de la Delegito de U. E. A., kaj de multaj samideanoj ni vizitis piede la centron de la ĉefurbo kaj precipe la belegan preĝejon. Posttagmeze, en luksaj tramveturiloj ni trairas la tutan urbon vizitas la urbdomon kaj poste hospitalon en la ĉirkaŭaĵo de la urbo. Vespere post adiaŭa danko al niaj gastemaj samideanoj, ni forlasos Wienon por atingi Krakovon la dimanĉon je la 5-a matene.

Dum tiu kelktaga vojaĝo, la Karavananoj estis ĉiam ĝojegaj kaj rapide interkonatiĝis: vojaĝante, preskaŭ ĉiam en apartaj vagonoj rezervitaj, ili sin vizitis de fako al fako, babiladis, kantis kaj eĉ dancis en la mallarĝaj koridoroj de la vagonoj kaj kvankam ni pasigis du noktojn en vagono mi dubas ĉu multaj dormis, eĉ dormetis en sia vagonfako.

Mi estas certa ke mi esprimas la unuaniman penson de ĉiuj partoprenintoj en la karavano kore dankante niajn kondukantojn, S-rojn Poncet kaj Génermont, kiuj prenis sur sin tiel lacigan taskon kaj ĝin tiel bone plenumis.

Cetere, en Krakovo, la 15-an de Aŭgusto, ĉiuj karavananoj havis la plezuron inviti siajn gvidantojn en tagmanĝo, kiu estis prezidata de S-ro Hodler, kaj kie oni refoje dankis ilin kaj nian tiel karan asocion U. E. A., dank'al kiu ni povis ĝui tiel agrablan komunan vojaĝon. Por la reveno, karavano tra Praha-Dresden-Nürnberg-Stuttgart estis aranĝita sub la aŭspicioj de U. E. A., kaj sub la kondukado de S-roj Poncet kaj Génermont. — E. D.

# REKLAMO

## TARIFO

### KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* b. fl. = *bildflanko.*

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Eduardo Albert, str. Riera de San Miguel, N-o 13-3, PI. (kun neeŭropanoj).

Bilbao (Hispanujo). — S-ro P. Cortes Tenderia, L. PK. PM.

Bilbao (Hispanujo). — S-ro D. Albert, Heros 24 taller. PK., PM.

Mi Boleslav III. (Aŭstrio-Bohemujo). — S-ro Jan Kubin, studento, PI., PM.

Champagne-sur-Seine. — (Francujo). S-ro Foucault, chez M. Blanot. PI. L. (kun ĉiuj alilanduloj).

Danzig (Germanujo). — S-ro A. von Zelenski.

Dusseldorf (Germanujo). — S-ro Max Stolz. Bastionstrasse, 13-11 (kun negermanoj).

Dusseldorf (Germanujo) Wiesner, Elisabethstr., 95 PI. PK. (kun ekstereŭropanoj kaj orientanoj).

Dusseldorf (Germanujo). — S-ro Welker, Mülheimerstr, 3, deziras interŝanĝi PI. kun belaj virinkapbildoj kun ĉiulanduloj.

Dijon (Francujo, Côte-d'Or) S-ro Victor Tonichon, Profesoro de stenografio, 51, rue de Gray (kun ĉiuj landoj).

Frankfurt-a-M. (Germanujo). — S-ro Willy Heinze, elektro-inĝ. Herbarstrasse 2, III PI., bfl., kaj esp. gazetoj (escepte germanaj).

Hago (Nederlando). S-ro J. Piercen, leterportisto, PI. (kun ĉiuj landoj)

Kovno (Rusujo F-ino Natalio Nedoŝivin, studentino de juro, (pri seriozaj sed ne enuigaj temoj).

Moskvo (Rusujo). S-ino L. Jakovleff, Tverskaja, Leontievsskij per dom Granat, kv.

Munster i. W. (Germanujo). — S-ro R. Küpper, Marienplatz, deziras korespondi kun ĉiuj samideanoj, PI. bfl.

Porto (Portugalujo). — S-ro Alfonso Freitas Bragança Kiosque de Sta Theresa, PI., PM.

Praha VII (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro J. Krupička, u. Academie, 230, PI. PK. (kun ĉiuj landoj).

Sabadell (Hispanujo). — Antono Penalba Strato Ronda D-ro Zamenhof, n-o 7. PI.

Sabadell (Hispanujo). — S-ro Fermi Urgel, strato Ronda D-ro Zamenhof, 7. PI.

Sabadell (Hispanujo). — S-ro Petro Escapa strato Ronda D-ro Zamenof, 7, PI.

Sabadell (Hispanujo). — S-ro Jozefo Vila, strato Ronda D-ro Zamenhof, 7, PI.

San Pier d'Arena (Italujo). — S-ro E. Rondini, PI., Kun Portugalaj, Hispanaj, Belgaj, Nederlandaj, Danaj, Svedaj, Rumanaj, Serbaj, Bulgaraj, Grekaj, Ĥinaj, Japanaj kaj aliaj neeŭropaj esperantistoj.

Vilno (Rusujo). — S-ro Bernardoviĉ Georgo, St. Ostrobramaka, 25 per PI., L.

Wasington (Usono). — F-no Isabelle Mc Caffray, 652, G. str. N. E. deziras korespondi per I. P. K.

Wista (Aŭstrio, Silezio). — S-ro J. Pilch, PI., L., PK.

Zizkov, Praha (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ferdinand Prchal, ĉe S-ro Sochor Chlumova u., 515-III. PI.

### PETOJ KAJ PROPONOJ

AL VARSOVIANOJ. Ruso, studento, loĝonta de 15 Septembro en Varsovio petas pri samideana helpo al li en liverado de iaj ajn vivrimedoj, en serĉado de plej malkara loĝejo kaj en priskribado de vivkondiĉoj en Varsovie. Antaŭdankante. Adr. : Nikolao Petrov, Nijnij-Novgorod (Rusujo), Nova Strojka za Ostrogonzij proezd, N-o 17.

AMIKEJO BLARICUM (Govi) estas *meblite luebla* de Septembro prok, ĉarma kampodomo en artista regiono apud pinarbaroj kaj erikejoj. Tram haltejo komunikanta kun la ĉefurbo. Kvin ĉambroj (ekkluzive artpentrejo) prezo modera. Skribu al Del-ino M. Jervey van Rees, Blaricum, Nederlando.

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

FAMAJ HOLANDAJ CIGAROJ. — Ign. de Laure, Cigarfabrikanto, Boksmeer (Nederlando) serĉas en ĉiuj landoj cigarvendistojn, Petu specimenojn kaj prezojn.

